Año XI (N.º 117) Depósito Legal V. 309-1959

# Boletín

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

**Núm. 5**

SEPTIEMBRE OCTUBRE 1959

Marqués de Caro, 6
VALENCIA
(ESPAÑA)

# NIA 20ª KONGRESO: UNU KOMPLETA SEMAJNO ESPERANTISTA!



**MALAGA**

**Saluto de la urbestro de Malaga, S-ro Francisco García Grana dum la Solena Malfermo en la Urbodomo.**

**La kongresanaro, kun la urbaj aŭtoritatoj, antaŭ pordo de la Katedralo.**



Aŭtoritatoj kaj gravuloj prezidis, prelegis aŭ salutis
D-ro Herrero inter ĉefgeneralo, provincestro kaj urbestro de Malaga



S-ro Dionisio Ric
Prezidanto de O. K.



**Sed, la popolo —nia bona popolo— havis okazon por distro kaj amuzo, dum vizitoj aŭ ekskursoj.**
En libera naturo de la Botanika Ĝardeno. En murego de Ronda.

## OMAĜO DE LA ESPERANTISTARO AL D-ro ZAMENHOF, ANTAŬ LIA TOMBO

**Lá 44ª Universala Kongreso de Esperanto en Varsovio digne honoris la memoron de D-ro Zamenhof per ofero de floroj kaj defilado antaŭ lia tombo.**
**Dekstre, unuavice, du el la hispanaj ĉeestintoj: S-ro Miguel Sancho Izquierdo kaj S-ro Salvador Gumá.**

# ZAMENHOF-PLACO EN TARRASA

*La 6an de Septembro estis inaŭgurata la Placo Zamenhof en Tarrasa. Por tiu inaŭguro, kaj ankaŭ por solene malkovri la marmoran tabulon, kiu nomas la placon, «Esperanto-Fako» organizis plurajn aranĝojn. Matene, renkontiĝis en nia societo, samideanoj venintaj de kelkaj urboj de Katalunio, de Zaragozo kaj eĉ de Gratz (Aŭstrio). En proksimuma nombro de tricent, oni marŝis korporacie al la placo, kiu situas ne malproksime de la centro, malantaŭ la nova parko «Sankta Georgo». La placo montriĝas oportuna por honori la memoron de nia majstro.*

*En la placo, la samideanoj estis akceptataj de la urbokonsilanto pri Kulturo, S-ro Luis G. Ventalló, kiu nome de la urbestro salutis la ĉeestantojn kaj la esperantistojn. Li malkovris la marmoran tabulon, sur kiu estas gravurita jena teksto: «Plaza del Dr. Zamenhof».*

*Sekve, S-ro Ventalló faris paroladon, rakontante la diversajn okazaĵojn, kiuj edligis la nomigon de tiu placo; li rimarkis, ke, per tio, la urba konsilantaro volas ripari la maljustaĵon, kiun iam oni faris forigante la nomon de D-ro Zamenhof de la unua placo, kiu portis tiun nomon en nia urbo. Pro la ŝanĝo oni gajnis, ĉar la nova placo, kvankam ne tiel centra, estas pli granda kaj bela ol la antaŭa, kiu estis simpla kruciĝo de stratoj. Ankaŭ la nova placo «D-ro Zamenhof» ricevas nomon unuafoje, kaj tiel la nomo de nia majstro havos senfinan daŭrecon.*

*S-ro Ventalló reliefigis la gravecon de Esperanto, kaj instigis la esperantistojn de Tarrasa daŭri en la instruado. Li promesis sian helpon, por ke la urba konsilantaro donu subvencion, ĉar tion meritas la persistemo de la esperantismo en Tarrasa. Post la aplaŭdoj al S-ro Ventalló, nia «avo», S-ano S. Chaler, legis telegramon de Prezidanto de* H. E. F. *el Valencio.*

*Tuj sekve, D-ro Mariano Solá, kiel reprezentanto de la esperantistoj, dankis la urbokonsilantaron, pro la decido doni al placo la nomon de la glora aŭtoro de Esperanto, en la jaro de lia centjara naskiĝo, kiam li estas pro tio speciale honorata en la tuta mondo; nu, ankaŭ en nia lando: unue en Manresa kaj Vilafranka, hodiaŭ en Tarrasa kaj poste en Moya, Sabadell kaj aliaj, eble: Malaga, Castellon... Daŭrige, S-ro Solá rakontis detalojn pri la unua nomigo de Placo Zamenhof en Tarrasa; li rimarkis, ke li ne volas ne mencii la nomojn de du elstaraj samideanoj, Jacinto Figueres kaj Serapio Bonet, pereintaj dum la nigra periodo de la civila milito.*

*Parolante denove pri D-ro Zamenhof, la oratoro emfazis, ke ne estas necese klarigi, kiu li estis, ĉar en Tarrasa ĉiuj bone scias tion. D-ro Solá ĝojas pro la trafa elekto de ĉi tiu placo. Ĝi estas tre bela; cetere, ĝi estos pli loga, kiam oni malfermos pordon en la apuda parko «Sankta Georgo». Do, kvankam modesta, la placo harmonias kun la karaktero de D-ro Zamenhof, plenmerita saĝulo kaj modesta homo. Post la aplaŭdoj, kiuj sekvis la paroladon de D-ro Solá, vigla «Cobla» (elp. Kobla) t. e. kataluna muzikistaro, disaŭdigis «sardanojn«, la tipajn katalunajn dancojn, kiujn diligente dancis multaj rondoj da fervoruloj. Tagmeze, en restoracio, okazis komuna manĝo, kiun partoprenis pli ol cent geamikoj.* GIORDANO MOYA.

---

# ESLABÓN DE ORO

**Los esperantistas españoles estamos acostumbrados a que nuestros congresos anuales constituyan verdaderos acontecimientos, tanto por la brillantez de los actos congresales, como por la demostración práctica de la utilidad del Idioma Internacional, cosa esta que constituye la mejor propaganda local en favor del Esperanto.**

**Pero, este último Congreso ha constituído una contínua superación de todos los niveles anteriormente conseguidos. Lo habíamos presentido y anunciado, pero la realidad ha sobrepasado nuestras esperanzas. El acierto inicial fué la confianza depositada en el Círculo Mercantil, máxima entidad representativa de los intereses locales, cuyo digno Presidente, el Ilustrísimo patricio malagueño D. Dionisio Ric, antiguo esperantista, comprendiendo la nobleza de miras del Congreso, puso todo su entusiasmo, su enorme simpatía y su decisiva influencia al servicio del mismo. Y así, desde la primera Autoridad provincial, la máxima eclesiástica y la totalidad de las Jerarquías locales, formaron parte del Comité de Honor y asistieron, personalmente, a la solemne Misa inaugural y a la Apertura del Congreso, en el magnífico salón de actos del Excelentísimo Ayuntamiento.**

**Todos los actos congresales llevaron el sello de la cordial protección de las personalidades malagueñas y de la amistosa consideración de los numerosos amigos que el Esperanto hizo, desde los primeros momentos, en la hermosa y riente ciudad andaluza.**

**No menos cordial y hospitalaria fué la acogida dispensada en Ronda y Marbella.**

**En suma, el XX° Congreso Español de Esperanto quedará, en la memoria de los afortunados asistentes al mismo, como un eslabón de oro en la cadena de los hasta ahora verificados; una prueba de la creciente aceptación del Esperanto en toda España, para bien de nuestro nivel cultural. Y un motivo más de esperanza para un futuro próximo...**

**Por medio del presente número del BOLETIN, dedicado casi íntegramente a reseñar el magnífico acontecimiento, expresamos públicamente a las dignísimas Autoridades malagueñas y al Círculo Mercantil nuestro sincero y profundo agradecimiento, por su hidalga protección, y no menos por habernos hecho disfrutar de ese trato tan «aristocráticamente llano» que, para nosotros se llamará, de hoy en adelante, «estilo malagueño».**

**KIEL BRULA SUNRADIO, SUR EMAJLO DE LA SUDA MARBORDO, BRILIS LA**

# 20ª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

**Dinamike varia programo, dum la daúro de kompleta semajno, donis al la partoprenantoj la impreson vivi en urbo de fantazio, kie la tempo sole nur validas por plezuro kaj amuzo. Kun tiu sama etoso de mirinda fabelo, en ekskursoj aú vizitoj, la rava logo de Andaluzio estis konstanta aúreolo, por la nacia hispana kunveno, tra la jubileo de la Zamenhof-Jaro**



Malaga, la bela Malaga! Perlo de la Sudo, ĉefurbo de la Suna Marbordo; jen do plia nomo, kiu reliefe riĉigas la liston da urboj, jam gastigintaj hispanajn kongresojn!

De antaŭ multe da jaroj —pli ol tridek!— pro larĝa parentezo, konvulsie fendita de tragikaj eventoj, Andaluzio ne liveris scenejon por la ĝoja rendevuo, en entuziasmaj kunvenoj, de la hispana familio esperantista. Andaluzio, tamen, plej tipe karakteriza regiono, ne ĉesis logi al rea feliĉa renkonto, en iu el siaj urboj, kiel inaŭguro de nova etapo, en preskaŭ nova teritorio, por niaj klopodoj havi kontakton, ĉiujare, kun popoloj kaj aŭtoritatoj, tra la tutlanda geografio, cele al ĝusta diskonigado de niaj honestaj principoj. Kaj al la koncerna voko, Malaga fervore respondis, akceptante la komision —kiu estis ja vera misio!— organizi la 20an Kongreson.

Sed... ankaŭ Malaga ne estas escepto en la kurioza difino de Benavente, la fama dramaturgo, ke ĉiam troviĝas du urboj en ĉiuj urboj de la mondo: la videbla ĝenerala tutaĵo kaj tiu alia flanko pli intima, pli kongrua kun la propra temperamento aŭ inklino de ĉiu aparte. Nu, Malaga, en sia unua aspekto, estas mirinda kombino de artaj historiaj relikvoj kun lumaj stratoj, preter agrablaj fasadoj de domoj —luksaj aŭ modestaj, laŭ kvartaloj, sed egale ĉarmaj— meze de edeno el ĝardenoj aŭ parkoj, lulataj de milda ondado de intense blua maro, sub eterne lazura ĉielo —garantio de bona vetero— por pravigi la epiteton Bela, per kiu tiel kokete la urbo sin garnas.

Tamen, tiu alia Malaga —kiun ni nomu *nia*— akceptinta fervore la kongresan taskon, konsistis nur el treege reduktita nombro da junaj lernantoj ĉirkaŭ sola, kvankam diligenta, kursgvidanto, S-ro Eleuterio Moreno García, simpla oficisto, kiu, brave maltima en sia izoliteco, kuraĝe ekigis demarŝojn, por varbi al la entrepreno influajn personojn, kiuj, krom sian socian prestiĝon, estus pretaj ofereme doni ankaŭ iom el sia valora tempo, en trafe adekvate funkcianta stabo.

Longa, peniga —foje eĉ malespera— estis la serĉado. Jes, ankoraŭ suspektoj, duboj, hezitoj kaj ŝanceliĝoj, vualitaj de ĝena miskompreno, baris la vojon ĝis, kvazaŭ mirakle, ĉe la unua ekfrapo, ĝentile malfermiĝis —de ekstremo al ekstremo— la riĉaj pordoj de «Círculo Mercantil», altranga, plej grava komerca klubo, dank' al la saĝa klarvido kaj afabla sinteno

de ĝia prezidanto, S-ro Dionisio Ric Sánchez —iama lernanto de Esperanto, dum la frua *heroa* epoko— kiu tuj apogis senrezerve la aferon kaj iĝis jam, ekde tiu momento, efektiva Prezidanto de la Organiza Komitato, kiam ankoraŭ eĉ tia komitato ne ekzistis...

Por starigi akson sur la ĵus masonita fundamento, baldaŭ alestis plenmeritaj apogantoj: S-ro Francisco Gómez de Mercado, notario kaj membro de la Reĝa Akademio de Historio; S-ro Fernando Bassi Ruiz de Valdivia, ŝiparkitekto; S-ro Juan Ramón López Arillo, direktoro de la Ŝparkaso de Ronda, kiu, kompreneble, plej lerte kaj sperte zorgis pri la financa fako; S-ro Benito Muñoz Ortega, laborestro en Sindikata Institucio por Profesia Instruado; S-roj Leovigildo Caballero kaj José M.ª Vallejo, viglaj ĵurnalistoj, kiuj, kune kun pluraj aliaj eminentuloj, *infektitaj* de samideana sindonemo, komencis febre labori. Kiel unua efiko, kvazaŭ eĥo de la fama biblia trumpetado, kiu faligis la remparojn de Jeriĥo, la laŭta sonoreco de tiel imponaj nomoj renversis teren ĉiujn antaŭjuĝojn.

De tiam ĉio iris glate, la aŭtoritatoj: episkopo, provincestro, urbestro k. t. p. fariĝis honorkomitatanoj kaj patronis la aranĝon. La glacio degelis! Vintro cedis al la printempo, kiu siavice preparis la medion por la varmo de l' somero. Centoj da kongresanoj, de plej diversaj hispanaj regionoj kaj de eksteraj nacioj —eĉ de la malproksima Kanado— venis entuziasme por mergiĝi en la sorĉon de Andaluzio, la magia regno de la suno, en apoteozo de koloroj kaj ritmoj, kie la dancoj estas speco de rito kaj kie la popolaj kantoj estas lamentoj, gradigitaj en kadencoj, ŝajne sub la influo de misteraj atavismoj... Jes, la vorto *sorĉo,* tro ofte uzata metafore, estas en Andaluzio io konkreta, io efektiva, kion subtile oni perceptas ĉie, ne pro efekto de timigaj ombroj, sed spite la inkandeska blankeco de la lumo, blindige reflektita sur zorge kalkitajn murojn de ciganaj loĝejoj.

Kaj tiu sorĉo mem, transformita en publika ĉarmo, dorlote envolvis la vizitantojn. Kredeble, multjara paŭzo ebligis ŝpari la specifajn trezorojn de Andaluzio, per kiuj ege malavare ĝi superŝutis nin nunjare en Malaga kaj en Ronda kaj en Marbella, same kiel en ceteraj urboj —perloj el araba pompo— rapide preterpase vizitataj, antaŭ kaj post la Kongreso, ĉiu el kies nomoj elvokas legendojn aŭ vekas sopirojn de nostalgio: Granado, Kordobo, Seviljo... Ĉu mirinde, do, se oni ankaŭ atribuas al sorĉo, ke ĝua frandado de spiritaj kaj materiaj delikataĵoj, kun variantoj de pitoreskaj folkloraj spektakloj, neniel malhelpis, sed —kontraŭe— utilis por fruktodona kaj trafa laborado? Mi ne scias; mi ne scias... sed fakto nerefutebla estas, ke, en neniu antaŭa kongreso, oni tiel funde diskutis, nek tiel decide konkludis pri strukturo, organizo kaj ekonomio de la Federacio: reformoj en la Regularo, por ĝin modernigi; oportunaj normoj por pli aŭtonoma agado de la sekcioj, precipe la Junulara; kvar kategorioj de kotizoj, ĉiuj kun egala rajto, kio estas vere revolucia decido, kiun provizore oni provos, por eventuala akcepto, post unu jaro, en la nova statuto.

Sekve, kaŭze de tiaj kontrastoj, regis ne facile priskribebla animstato, kiun iel mi penis glosi, ĉe la fino, en la adiaŭa paroladeto, dirante, ke, dum unu semajno, ni havis la ŝancon vivi realon, kvazaŭ fantazion de plej rava sonĝo. Tio estu sufiĉa rekompenco por la centoj da verdsteluloj, kiuj por kongresi venis de malproksime suden al Malaga, la Bela!

Sed... ĉenero postulas ĉeneron, por garantii la kontinuecon de ĉeno; tial, kore akceptante inviton, oni aklamis kiel kongresejon por la venonta jaro la urbon Pontevedra, nordokcidente de la lando, en la dolĉa Galegio, kies proksimeco de la portugala landlimo ebligos amasan ĉeeston kaj ĝojan restadon al la portugalaj geamikoj. Nu... ĝis revido tie!

• ■ •

Por faciligi la partoprenon en Malaga, la Valencia Grupo aranĝis vojaĝon per aŭtobuso, al kies aranĝo aliĝis ne nur valencianoj, sed ankaŭ gesamideanoj de



Zaragozo kaj de pluraj katalunaj urboj: Gerona, Tarrasa, Sabadell, k. t. p.

Sabate, la 15an de Aŭgŭsto, je la kvina matene —ne ja *tute* ekzakte!— ekveturis granda moderna omnibuso, kun ĉiuj siaj kvindek sidlokoj okupitaj de tre varia personaro: pastro J. Casanovas, S-ro M. Solá, Ges-roj Mimó, Ges-roj Máñez, S-ro A. Criach k. t. p. kun gaja svarmo da ĝejunuloj el Cheste, kaj eĉ internacia reprezento en la persono de franca amiko S-ro J. Paltié. La Federacia kasisto, S-ro E. Guillem, avangarde sidanta, gvidis la ekspedicion, ĉar la Prezidanto, D-ro Herrero, ekiris unu tagon antaŭe per sia aŭtomobilo. En meza sidloko, ĝuste malantaŭ simpatia sinjorino kaj vivece gracia knabino —edzino kaj filino, respektive, de S-ro Mestre, kunfondinto de la Federacio— observeme mi sidis, en rolo de raportanto, jam preta noti detalojn kaj aspektojn en la natura registro de la imago.

Laŭ regula takto de bone dresita motoro, la kaŭĉukaj radoj ekturnas unue sur la urba pavimo, ĝis rapide ili glitas avide sur la gudrita betono de ŝoseo, en suda direkto. Pala lumo de tagiĝo ade transformiĝas en rozkolora aŭroro, ŝvebe super la ŝpegulo de lago Albufera aŭ la velura senfineco de verdiĝantaj rizkampoj.

Majeste leviĝas, en la horizonto, la flavruĝa disko de la suno, kiu heligas bedojn kaj vilaĝojn, ankoraŭ en dormo. Sekvas la vastaj legomĝardenoj de Gandía; post momenta halto en Vergel-Miraflor, por plia pasaĝero, nia fervora veterano S-ro V. Perles Moncho, plivigliĝas la marŝo, preter la impona rokego de Ifach (elp. Ifak) kiu, kiel iom reduktita bildo de Gibraltaro, elmergiĝas de la maro, apud strando kun riĉaj vilaoj. De nun, tiaj dometoj multe abundas, ĝis kompakte ili ariĝas, inter unuarangaj hoteloj, ĉirkaŭ Altea kaj Benidorm, ĉarmaj apudmaraj someraj restadejoj, en moda aktualeco, kun internacia renomo. El inter simfonio de freŝa verdaĵo, elstaras Villajoyosa, kiel gaja heroldo de Alicante, la ŝika provinca ĉefurbo, ankoraŭ en la Valencia regiono, kaj unua etapo.

La aŭtobuso haltas en aleo de palmoj, centra avenuo kun marmora planko el larĝe ondantaj koloraj strioj. Tie atendas nin, por kunveturi, S-ro R. Canet, la juna pioniro, kiu sopiras esti organiza sekretario de kongreso en sia urbo. Vigla matena trafiko jam apogeas, sed la vojaĝo devas daŭri, post matenmanĝo kaj promeneto.

En la pejzaĝo regas palmoj kaj palmoj, ĝis grandioza kulmino en Elche —frande konata distrikto de unika dolĉaĵo nomata nugato— originale konstruita sur vastega oazo en pratempa sablejo. La vojo fendas nun la riĉajn bedojn de Orihuela, kies zorga kulturado konkuras kun tiu de la beletaj kampoj de Murcia, alia provinca ĉefurbo, haltejo de la dua etapo. La halto okazas fakte iom eksterurbe, antaŭ trinkejo, en larĝa strato vilaĝaspekta.

Mallonga estas la paŭzo, sufiĉa nur por refreŝigi sin per trinko de kafo aŭ limonado. Ree zumas la motoro, stimulante la radojn turni kaj turnadi sur tereno pli kaj pli bruna, post la altebenaĵo de Lorca, en sinsekva montetaro, ĉe la rando mem de Andaluzio. Vere stranga, iom disreviga, estas la unua renkonto kun tiu regiono, brue reklamita kiel plej riĉkolora. Sed, ni troviĝas interne de ĝia nordorienta -plej mizera— parto, en bruna dezerto, kie sola kreskaĵo estas la humilaj tigetoj de alfo.

Post ampleksa kurbo, inter montetoj, montriĝas Puerto Lumbreras, tipa vilaĝo, kun tre kuriozaj kaverno-loĝejoj, da kiuj ni vidos multajn, laŭlonge de la vojo. Kvankam temas pri malriĉaj loĝejoj, efektivaj grotoj, fositaj dise, ĉe etaj deklivoj, ili aspektas plaĉe, kun florpotoj kaj bele masonita fasado, pura kaj blanka.

Verdaĵo de arboj kaj plantoj anoncas taŭgan ripozejon. Efektive, ĝi estas Vélez Rubio, je alteco de 750 metroj, super la marnivelo. Tie ni haltas por tagmanĝo, apud vojgastejo, kiu frontas al vere orienta bildo: malaltaj muretoj, borderitaj de tegoloj, kun kroĉitaj masoj de opuntioj, (*) sub balanciĝanta kupolo de palmoj.

Ree survoje, la marŝo pludaŭras tra pitoreska pejzaĝo, kiel fono por ĉarmaj vilaĝoj aŭ urboj, kiel Baza kaj Guadix, kie, en simplaj fontanoj, fluas glacia akvo —meze de somero!— en belaj placetoj kun

(*) Speco de afrika granda plurbranĉa kakto, kun bonguste manĝebla frukto, simila al figo.





Valencianinoj en korto de la Alhambro.

balkonoj ornamitaj, per skarlataj plektaĵoj de geranioj aŭ diantoj, en fasadoj arte dekoritaj per grandaj glazuritaj teleroj.

Iom post iom, Andaluzio malfermas la skatolon de siaj trezoroj. Subite, de sur altaĵo, niaj gapaj okuloj ekrigardas vastan domaron, kiu, en fundo de valo, sin montras kiel vizio: Turoj de preĝejoj, kupoloj de palacoj, kvadrataj tegmentoj de malnovaj arabaj konstruaĵoj, insuloj el domoj, en maro da ĝardenoj kaj parkoj... Ĉu nur iluzio? Ho, ne vizio, sed jam atingita celo, por la hodiaŭa etapo! Jen Granado, iama ĉefurbo de lasta araba-hispana regno, kiu konkuris kun Damasko kaj Bagdado, pri kulturo, arto, beleco kaj gracio...

En la centra placo *Puerta Real* (Reĝa Pordo) haltas kaj desaltas la pasaĝeroj, serĉe al ĉambroj de najbara hotelo, kiam krepusko vesperiĝas facetita de briliantoj.

**RESTADO EN GRANADO**
*Dimanĉo 16 - Aŭgusto*

La profesia kapablo kaj samideana helpemo de S-ro Justo Estan, nia tiea *agento,* ebligis kontentigan loĝadon. La dormo estis profita, ĉar multaj el ni frumatene jam *esploris* tipajn angulojn kaj aranĝis planojn por viziti la rimarkindajn vidindaĵojn, juvelojn de la urbo.

Du konkretaj stiloj --kristana kaj araba-- apudestas en iom stranga harmonio: la Katedralo, renesanca monumentego, kun la tomboj de Ferdinando kaj Elizabeto, la Katolikaj Gereĝoj, kaj la Kartuzio, ekzemplo de grandiozeco, en la pia humileco de sobraj malriĉaj monaĥoj, formas agrablan kompletigaĵon por la mirinda tutaĵo de la *Alhambra,* rafinita verko de la araboj: Bastiono, preĝejo kaj palaco, kio, kun la najbaraj ĝardenoj de *Generalife,* ŝprucanta simfonio de akvo, laŭ miloj kaj miloj da fontanoj, vivigas scenojn, kiuj ŝajnas ja, ankoraŭ nun, en nia epoko, realaj bildoj de rakonto el *La Mil kaj Unu Noktoj...* kvazaŭ la tempo haltis, sub deĵoro de *Sierra Nevada,* la proksima ĉie videbla montaro, kun krestoj de eterna neĝo.

Forpasis la tago kaj venis vespero kaj nokto, kiel taŭga medio por rigardi dancojn kaj aŭskulti kantojn de ciganoj, en la kuriozaj kavernoj de *Albaicin,* ĉe deklivo de apuda monto. Denove, la litoj atendas la plezure lacajn ekskursantojn, por asimili en ripoziga dormo la ricevitajn impresojn.

Morgaŭ --lundo 17an de Aŭgusto-- la vojaĝo nepre devas daŭri, por ĝustatempe alesti en Malaga, la celata kongresurbo.

Kaj, sekve, la vojaĝo daŭras --ankoraŭ suden-- tra la abrupta altega tereno de *Alpujarras,* tiu montaro, kie, longe post la kristana rekonkero, okazis sangaj senesperaj ribeloj de venkitaj araboj, tiam nomataj *moriskoj.* La tieaj vilaĝetoj klare montras siajn maŭrajn trajtojn. Motril, jam ĉe la marbordo, estas komenco por alia vojo, kiu, vera kornico, borderas la maron, laŭ alteco kaj maniero tiel impona, ke timo ofte interligas sin kun admiro.

Profitante la ŝancon, ke ni troviĝas funde de tiu deglitejo, ĉe sekura marnivelo, kie, cetere, ombrejoj kaj budoj de ĉiovendejoj, en la strando mem, invitas al ripozo, oferante ŝirmon kontraŭ la tagmeza suno, la aŭtobuso haltas por ebligi al la pasaĝeroj plezurojn de bano kaj manĝo.

De post tiam la veturo estas glata kaj facila, sen tiuj *emocioj,* kiujn la danĝero havigas. La distanco pli kaj pli reduktiĝas. Dometoj kaj vilaoj preskaŭ formas straton, ambaŭflanke de la ŝoseo. Tute nerimarkite, la fiktiva strato ŝanĝiĝas en ĉarme efektiva avenuo, kun plaĉaj domoj kaj ĝardenetoj, laŭ milda kurbo de golfeto --la famkonata *Caleta*-- kiu rekte kondukas al la urba centro, batanta koro, pro svarma trafiko de homoj kaj veturiloj:



**Jen fine do jam en Malaga!**

La horo --sesa kaj duono-- estas sufiĉe oportuna por ordigi plej urĝan aferon: la loĝadon! S-ro Guillem zorgas pri tio; mi lasas lin, en *diplomataj* traktoj kun straba gastejmastro, kaj tuj rapidas al la fokuso de l' Kongreso: «Círculo Mercantil», luksa domego, en la aristokrata strato Larios, ĉefa arterio de la urbo. Tie regas la natura moviĝemo de ĉiuj antaŭe venintaj kongresanoj, kiuj ĝojbrue sin intersalutas aŭ stare babilas... obstrukcante la pason, jam en la trotuaro, ĉe la pordo kaj vestiblo aŭ sur la ŝtupoj mem de fronta ŝtuparo.

Malnovaj kaj novaj amikoj tie rendevuas: S-roj M. Martín, M. López kaj Saul Orea --la simpatia blindulo-- el Madrido; la prezidanto de la Grupo de Bilbao, S-ro Iranzo, kun la tieaj amikoj, S-roj Zarate, Olalla kaj Palacios; la portugalaj fervoruloj S-roj Padráo kaj Freitas; la andaluzoj S-roj Torrejimeno, De la Torre, Ramirez kaj Augustin, kiuj, kvankam eta regiona malplimulto, tre feliĉas tial, ke la Kongreso okazas *hejme*. S-ro J. Batiste, la diligenta pasintjara sekretario de la Organiza Komitato en Castellón, sporte veninta, kun sia edzino, per motorciklo. Inter aliaj kaj aliaj, la granda amaso de la katalunoj --garantio de sukceso en ĉiu kongreso-- modelo de praktika entuziasmo, arope venintaj sen atento al la proksimeco aŭ malproksimeco de la kongresurbo.

En la oficejo, oni laboras kun nervoj streĉaj, laŭ taktoplena gvido de S-ro Eleuterio Moreno, kiu, post varmaj salutaj vortoj, *ŝovas* min en zorgojn kaj taskojn, ankoraŭ prilaborendajn. Baldaŭ aperas la Prezidanto, nia kara patricio, S-ro Dionisio Ric, persono ekstreme afabla, ĉiam kun trankvila sinteno kaj ĝentilaj manieroj de lordo, sed kun energia decidemo de aroga kapitano. Estas la ĝusta momento, do, por distribuo de la dokumentaro. Nu, metala disketo de brila insigno, sur brustoj de la kongresanoj, atestas, ke la Kongreso komenciĝis, almenaŭ en la neelĉerpebla programero de rekomendinda *zamenhofado*, t. e. parole praktiki ĉiukaze la lingvon.

Tamen, ĉar jam vespero, endas disiĝo por vespermanĝo kaj akurata ĉeesto al eksterprograma ĝentilaĵo de la urbo:

**MUZIKA KONCERTO KAJ DANCOJ**

Dumnokte, la ĉefaj konstruaĵoj estas reflekte iluminitaj per hele flava lumo, kio donas al ili fabelan ŝajnon. Promenante preter tiel koloriĝitaj bildoj, oni venis al la Doganejo, kie, en angulo de la korto, sur planko dekorita per tapetoj, la urba muzikistaro, gvidata de Prof. Artola, ludis elektitajn pecojn de hispana muziko. La tuta kongresanaro, komforte sidanta liberaere, ne ŝparis aplaŭdojn, kiuj kulminis en la sekva prezentado de andaluzaj dancoj, fare de knabinoj de la «Virina Sekcio». Bona komenco kaj bona aŭguro!

Finiĝis la festo kaj diseriĝis la amaso, serĉe al ripozo kaj dormo. Jen ankaŭ urĝa bezono por mi. Dezirante koni novajn emociojn, mi decidis tranoktadi en la Tendaro, kiu situis sufiĉe proksime, en parko de la Sindikata Institucio, por Profesia Instruado, apud la urba sportejo «Rosaleda». Tien mi iris kaj povis konstati, ke la tendoj staras sur tre bona loko, kun taŭga aranĝo de matracoj, kovriloj kaj kusenoj, krom ĉiuj higienaj servoj.

En sama tendo kun S-ro A. Pérez Saura, Sekretario de la Federacio, kaj S-ro J. Seguer, *ekonomo* de la Valencia Grupo, mi etendas matracon kaj plaĉe kuŝas, por baldaŭ ekdormi sub la tolo.

## MARDO — 18. AŬGUSTO

Religia solenaĵo: meso de Sankta Spirito, en la Katedralo, inaŭguras la oficialan programon. Ĉeestas la urbaj aŭtoritatoj, estraranoj kaj ĉiuj kongresanoj, kiuj, post la diservo, marŝas al la Urba Palaco, belproporcia klasika domo, pura modelo de harmonio, kie okazos la

**SOLENA MALFERMO**

Portalo, vestiblo kaj halo frontas al impona ŝtuparo, kun artaj vitraloj, kiu kondukas supren al polurita planko de ĉirkaŭa galerio, de kie estas alirebla la Salono por kunsidoj. Bonkvalitaj freskoj, sur muroj kaj plafono, alegorias pri Arto, Scienco, Literaturo, k. t. p. Meze de la prezidejo sidas la provincestro kaj urbestro, apud la ekleziaj, militistaj kaj ceteraj civilaj aŭtoritatoj, kun la komitatanoj, estraranoj kaj gravuloj de la Federacio.

La tuta salono brilas pro plenpleno da



samideanoj, kiuj. side aŭ stare. atestas pri fizika ekzisto de la esperantista popolo. Granda silento regas. kiam la urbestro, S-ro Francisco García Grana, bonvenigas la kongresanojn per vortoj agrablaj, vere emociaj: «D-ro Zamenhof, per sia unua broŝuro, malfermis vojon al plej delikata espero kaj fariĝis gvidanto de tiu ideo, kiun vi reprezentas. cele al lingva unueco, por tutmonda komuneco». Daŭrige li diris, ke tiel honesta penado meritas apogon de ĉiuj popoloj. Malaga. lulilo de tre diversaj antikvaj civilizoj fieras gastigi la hispanajn esperantistojn, okaze de ilia 20ª Kongreso, kiun li deklaras oficiale malfermita. S-ro Dionisio Ric, je nomo de la Organiza Komitato, dankas la urbajn instituciojn pro la ricevita helpo. Li emfazas, ke en Hispanio, jam en la jaro 1911ª, Esperanto atingis duonoficialan agnoskon, sekve de reĝa dekreto, laŭ kies teksto —ŝajne, nun ankoraŭ valida!— la posedo de Esperanto estis leĝa merito por ŝtataj ekzamenoj. Li ĝojas, ke la klopodoj de la organizantoj floris kaj fruktis en sukcesa rezultato.

D-ro Rafael Herrero. Prezidanto de la Federacio, asertis, ke en la pompo de ĉi tiu solenaĵo ekzistas nenia rutina formulismo, sed plej aŭtentika sincereco, de koro al koro, inter popolo kaj aŭtoritatoj. Firme li deklaris. ke la esperantismo ne estas politika doktrino nek religia dogmo, sed fervora Movado. por la homa interkompreno, pere de dua lingvo komuna por ĉiuj. Prikantante la ĉarmojn de Malaga. li asertis. ke de nun la esperantistoj estos ambasodoroj ne nur de ĝia senkompara belegeco, sed ankaŭ de ĝia kortuŝa gastameco. Tuj sekve, la provincestro. S-ro Antonio García Rodríguez-Acosta, elokvente diris. ke la tasko serĉi komprenon inter la homoj estas nobla tasko. Tamen. por tiu kompreno, nepras komuna lingvo de Paco, se oni volas eviti la aperon de alia universala lingvo: tiu de pereo kaj detruo. «Kredu vere —li diris— ke mi deziras plenan sukceson al via laŭdinda strebado kaj al via brila nunjara Kongreso en Malaga!»

Tondroj da varmaj aplaŭdoj sigelis la vortojn de ĉiuj oratoroj, ĉar la publiko ŝatis pruvi, ke ne vana estis la diro pri pura konkordo, en la esperantista kampo, inter sana popolo kaj saĝaj gvidantoj.

Finiĝis la solena parto kaj venis vico, en bona ordo, por alia malpli ceremonia:

### LUNĈO DE LA URBESTRARO

Longaj tabloj, frande kaj riĉe provizitaj per kukoj, pasteĉoj kaj likvoroj, nin atendis en la Festsalono, kie tre bonapetite oni ***komplimentis*** la frandaĵojn, samtempe aŭskultante denove gratulojn kaj salutojn, en familia atmosfero. Vicprezidanto de la Organiza Komitato, S-ro F. Gómez de Mercado, metis broĉon al la festo per vervaj emociaj vortoj. Aplaŭdoj kaj vivuoj malavare resonis en la ĉambrego, ĝis foriro kaj disiĝo solvis la geesperantistojn en la viglan tagmezan trafikon de la gastama urbo, kvazaŭ ili estus ordinaraj civitanoj.

Ĉu ne do ja sufiĉa honoro por ili?

Ĉar tute libera la posttagmezo, Malaga logas kaj tentas funde tion profiti, laŭ privataj gustoj kaj preferoj. Sed, por la reprezentantoj de grupoj, tiuj tentoj ne koncernas, ĉar por ili ekzistas alia ***privata*** afero, alia grava devo: nepre ĉeesti en la

### PRIVATA KUNVENO

En «Círculo Mercantil», preskaŭ plenokupante la ĉambron de la Prezidantejo, kunsidas delegitoj de grupoj kun pluraj respondecaj izoluloj, por detale studi la punktojn de la tagordo, prezentante ilin poste, en klaraj konkludoj, al definitiva juĝo en oficiala laborkunsido. Pro subita kaj ĝena —feliĉe malgrava— malsaniĝo de D-ro Herrero, prezidas D-ro M. Solá.

Ekipita per la bonega teko, ĝentila pasintjara donaco de Grupo «Frateco» el Zaragozo, okaze de ĝia Ora Jubileo, mi enkondukas la temojn, laŭ konciza raporto. Kiel kutime, diskutado pri la financoj forglutas multe da tempo. La kasisto devas tede ripeti konatan rekantaĵon: la elspezoj kreskas, dum la enspezoj stagnas, kio malhelpas la progreson kaj bremsas ĉiujn

**«Nobla tasko estas strebi al la homa interkompreno pere de via bela komuna lingvo, saturita de Amo kaj Paco, por malebligi la uzon de tiu alia terura lingvo, kiun parolas blekantaj kanonoj, kiel universalan lingvon de Milito!» «Viaj deziroj estu baldaú efektiva realo!»**

**El la diskurso de Lia Moŝto, la Provincestro de Malaga, S-ro Antonio García Rodríguez-Acosta.**

aspirojn. La eksterordinaraj elspezoj, ne tiom eksterordinaraj, se oni konsideras, ke ili enkalkulas modestan pagon al oficisto en la Sekretariejo, kuŝas ekskluzive sur la ŝultroj de nur kelkaj bonvoluloj —ĉiam la samaj!— kiuj volonte ŝtopas la breĉon, pagante la ekvivalenton de pli ol dek ordinaraj jarkotizoj. Normala solvo estus atentinda kresko de la membraro, sed, ĉar tio ne okazas, nepras la plialtigo de la nunaj kotizoj. Oni studas la aferon kaj proponas diversajn rimedojn, ĝis fine oni akceptas decidon, kiun oni submetos al ĝenerala aprobo, en la koncerna laborkunsido. Temas pri *eksperimento:* starigi kvar formojn de kotizoj, malsamaj en la prezo: 25, 60, 100 kaj 150 pesetoj, sed egalaj en la rajtoj, ebligante tiel subteni la organizon, laŭ povo aŭ ekonomia eblo de ĉiu membro. Ĉi tiun decidon oni devas apliki provizore, dum la daŭro de la venonta jaro; post tiu periodo, oni konstatos la efikon, por definitiva akcepto.

Alia temo estas propono de la Estraro por modernigi la Regularon, adaptante ĝin al la nuntempaj bezonoj. Oni studas la manieron efektivigi tion, pere de komisiono, pri kies konsisto la ĝeneralo decidos. Miajn klarigojn, pri la redaktado de BOLETIN, oni atente aŭskultas. Same atente mi aŭskultas kaj notas ideojn kaj sugestojn de la ĉeestantoj, cele al plej bona enhavo kaj aspekto de nia oficiala organo; ankaŭ estas ĉiama rekantaĵo mia insista plendado, ke iĝas pli kaj pli malfacila la tasko adekvate varti la bultenon, preskaŭ nur per miaj propraj fortoj. Fine, konkretiĝas la ideo aperigi diversajn rubrikojn: sciencan, literaturan, amuzan, junularan k. t. p. pri kiuj zorgu aparta subredaktoro, rekte elektita de la ĉefredaktoro, el inter kompetentaj samideanoj. Cetere, multaj esprimas opiniojn kontraŭajn al la dumonateco de la gazeto, pledante por reveni al ĝia ĉiumonateco, sed tio, kompreneble, apartenas al la eblo de la financoj kaj al la povo de l' redaktoro. Tamen...

Kun granda simpatio, oni salutas la fondiĝon de la Junulara Sekcio, kies ĉeestanta gvidanto, S. Aragay, el Barcelono, ricevas gratulojn kaj skizas planojn, kiuj meritas aprobon, ĉar oni plene konscias, ke tiu sekcio estas pozitiva garantio de kontinueco. Espereble, ĝi fariĝos solida fundamento por la Federacio. Lasta parto apartenas al debato pri la kongresoj; kvankam kelkaj samideanoj preferus kongresi dujare, plimulto deziras daŭrigi la ĉiujarecon, ĉar tio ebligas utilajn personajn kontaktojn, kun amikoj kaj aŭtoritatoj el plej diversaj urboj, dum periodoj sufiĉe oftaj inter si, kio ja multe utilas por forigi antaŭjuĝojn kaj fidindigi niajn idealojn ĉe la oficialaj instancoj. Feliĉe, por la jaro venonta ne estas problemo, ĉar Pontevedra, en la milda Galegio, senhezite akceptis la taskon. La grava kastilja urbo Valladolid estas preta ŝarĝi sin per tia respondeco, en oportuna aŭ konvena okazo, alian jaron.

Kaj... nenio plu! Ankoraŭ pritraktante detaletojn aŭ skizante ideojn, oni pogrupe forlasas la ejon. Freŝa venteto de la strato ventolas la kapojn. Lumo de anoncoj kaj montrofenestroj, plus la *magneto* de nigraj okuloj de pimpaj virinoj, deturnas niajn pensojn for de seriozaj konsideroj.

La vivo estas vivinda; sed, por fari ĝin tia, oni devas oferi parton en seriozaj aferoj, kiel ni mem ĵus oferis... Kvankam, en alternaj fluoj, distro anstataŭas laboron, kiel meritita kompenso. Ekzemple:

### LA FOLKLORA FESTO

Temas fakte pri daŭrigo de la hieraŭa danco-prezentado, ankaŭ liberaere, ĉi-foje en la *Alcazaba,* la araba citadelo-palaco, ankoraŭ en tre bona stato. La eksteraj muregoj kaj turoj, el ŝtonaj blokoj, de ĉi tiu mezepoka bastiono, aspektas kiel magia kastelo, pro la hele flava iluminado, jam dirita, kies fantazio pliiĝas interne, tra labirinto da ĉambroj kaj altanoj, nur ligitaj inter si per koridoroj aŭ zigzagaj vojetoj en deklivo, borderitaj de plantoj.

En alta teraso, speco de pendanta ĝardeno, kun fruktarboj kaj fontanetoj, la kongresanoj sidas, en pli malpli densaj opoj, fronte al ligna planko, sur kiu paradas riĉa sortimento de plej karakterizaj dancoj de Andaluzio: *fandangoj, bulerioj, farukoj* k. t. p. Liutoj kaj gitaroj vibrigas siajn kordojn, akorde kun la klakloj de kastanjetoj, por liveri takton kaj mezuri ritmon al la facilmovaj turnoj de gracilaj



knabinoj, kiuj, pro tio, ke neniel profesiaj dancistinoj, tutanime dancas, kiel sanaj senartifikaj popolaninoj, spontane sin donantaj al mistera impulso droni en melodio de movoj. Tiun subtilan kvaliton, la publiko bone perceptis; tial, oni entuziasme *rompis* siajn manojn por premii la vervon de tiuj junulinoj, kiuj, post la regalo de sia arto, nur sciis honteme rideti por danki la aplaŭdojn, kiuj oni abunde malavaris.

La unua kongresa tago kontentige fluis...

## MERKREDO — 19. AŬGUSTO

La mateno –lazuro kaj zefiro– agrable apartenas al facila okupo, propra de turistoj:

### VIZITO AL URBAJ VIDINDAĴOJ

Unu el tiaj vidindaĵoj, tamen, troviĝas iom eksterurbe: la Botanika Ĝardeno, pli populare konata per la nomo Bieno «La Concepción», al kiu gaje veturas la kongresanaro, en sonora aŭtobusa karavano.

Apenaŭ trapaŝinte la pordon, oni jam troviĝas kvazaŭ meze de tropika arbarego. Altaj fortikaj trunkoj, kelkaj el ili kun bela stranga ŝelo, elmergiĝas el densa vegetaĵaro, por supre malfermi la veluran ombrelon de sia foliaro, kie petolaj birdetoj –treege multaj!– nestas kaj trilas. En kaŝitaj idiliaj anguloj, klara akvo fluas el fontoj kaj muzike defluas deglite, tra plurbranĉaj kanaletoj, ofte sin rompantaj en kaskadojn. Por scivola vagado, la samideanaro pogrupe diseriĝas; multaj ludas esploradon, grimpante altaĵojn, ŝajne kun la intenco trovi koboldojn, aŭ prefere... nimfojn; aliaj kviete promenas sur aleoj aŭ ripoze sidas ie ajn, ĉe ombro de laŭboj, sed, ĉiuj ja, senescepte, funde ĝuas pacon; en la trankvila natura medio de ĉi tiu paradizo, ĝis la aŭtobusoj ekstere klarionas, –alarmo en ĉielo!– vokante al reveturo.

La urbo nin atendas, por montri pliajn el siaj vidindaĵoj. Halto okazas antaŭ la Katedralo, rigarde al ĝia ĉefa fasado. Tie, oni atente aŭskultas erudiciajn klarigojn de urba kompetentulo, S-ro Antonio Burgos Oms, kiu rakontas la multajn malfacilaĵojn, kiujn devis venki la masonado de tiu grandioza templo, konstruita sur la tereno de iama ĉefa moskeo, dum longa daŭro de pli ol du jarcentoj. Kaŭze de tiu multjareco, miksiĝis diversaj stiloj, laŭ modo de ĉiu epoko, kvankam la Renesanco stampis plej fortajn signojn. Tri imponaj pordoj, Suno Katenoj, kaj Pardono, kondukas al sveltaj navoj, kiuj, kvankam ejo por medito kaj preĝo, ankaŭ estas, pro akumuliĝinta arta trezoro, galerio de muzeo. Inter valoraj freskoj, pentraĵoj kaj skulptaĵoj de famaj artistoj; lignaj tajlaĵoj –figuroj de sanktuloj– en la ĥorejo estas grandioza verko, unika mirindaĵo.

Ĉar ankoraŭ estis disponebla tempo, post admiroj al la Katedralo, oni emis piediri ĝis la proksime situanta araba kastelo, kie hieraŭ nokte okazis la folklora festo. La *Alcazaba,* dumtage, montras nete –eĉ iom krude– la arogantaĵojn de ŝtona fortikaĵo, preta rezisti alsaltojn kaj atakojn. Sed, kiel tipa araba konstruaĵo, senornama ekstero gardas por interno rafinitajn delikataĵojn de l' Oriento.

La samaj vojetoj, kiujn hieraŭ nokte flava ilumino envolvis per mistero, kondukas nun tute normale al supraj pavilonoj kaj apartamentoj, inter ĝardenoj kaj kortoj, kun rektangulaj basenoj, borderitaj per heĝoj el mirto, kie, ĉar apud ĉambroj de la serajlo, iam fordistris siajn enuojn kaj plaŭde banis siajn eburajn aŭ ebonajn korpojn bajaderoj kaj odaliskoj, kiel realaj surteraj hurioj... Kvazaŭ postsignoj de ilia gracieco, hufoformaj arkoj, rigardataj de el la kortoj, enkadrigas fonon de salonetoj kun komplikitaj arabeskoj, kies senfina simetrio tegas eĉ la plafonojn per raraj stalaktitoj. La imago ŝpinas legendojn, dum la piedoj paŝas malsupren, de teraso al teraso, kun floroj kaj aromaj plantoj, kvazaŭ sur ŝtupoj de edena ŝtuparo,

La suno deklivis de l' zenito. Materiaj



Hirundoj ĉe telegrafaj dratoj, en andaluza farmdomo



zorgoj anstataŭas revojn. Kongreso ne nur estas amuzo, sed ankaŭ laboro en zeriozaj okupoj, kiel la anoncita

**MALFERMA KUNSIDO**

Posttagmeze, je la sesa, en aŭlo de nova Sindikata Domo, sidas ***nia diligenta kolegaro.*** Estraranoj okupas la prezidajn fotelojn, en la podio, malantaŭ tablego, ĉe unu el kies ekstremoj mi deĵoras, kiel informanto. S-ro Eleuterio Moreno, je nomo de Organiza Komitato, malfermas la kunsidon kaj transdonas la prezidantecon al D-ro Herrero, kiu per spritaj vortoj akcentas nian persiston por ĉiujare renkontiĝi. S-ro Moreno montras la ricevitan amason da telegramoj, leteroj kaj poŝtkartoj kun salutoj de organizoj aŭ amikoj, landaj kaj eksterlandaj. Oni atente aŭdis la legadon de plej rimarkindaj frazoj, forte aplaŭditaj ĉe la fino. La grupeto de Osorno sendis sian saluton en arta koverto.

Laŭ invito de la Prezidanto, sekvas salutado de la ĉeestantoj mem. Unu post alia, seninterrompe, venas en la tribunon delegitoj de urboj kaj vilaĝoj, dezirante sukceson kaj fruktodonan laboron. Je nomo de eksterlandaj kongresanoj salutas S-ro Paltie kaj S-ro Freitas (portugalo); bedaŭre, S-ro Leif Heilberg (kanadano) pro malsaniĝo ne ĉeestas. En resuma konciza paroladeto, mi kompilas la ĵus esprimitajn sentojn kaj instigas al obstina agado.

Por prezidi kaj protokoli la debatojn estas elektataj S-ro Luis Mimó, la kompetenta vortaristo el Sabadell, kaj S-ro S. Aragay, el Barcelono, gvidanto de la Junulara Sekcio. Tuj sekve, oni aklamas saluton por la Ŝtatestro kaj la aŭtoritatoj de Castellón, pasintjara kongresurbo.

S-ino Elizabeth Heilberg, edzino de la malsana samideano, eniras en la salonon kaj estas karese aplaŭdata. Ŝi venas en la tribunon kaj legas raporton pri la ĵus okazinta Universala Kongreso en Varsovio, kiun Ges-roj Heilberg partoprenis. Dank' al ili, do, oni gustumas unuajn informojn, el la fonto mem, pri la plej grava aranĝo esperantista en la Zamenhof-Jaro.

En la paŭzo, kiu sekvis, oni renodis amikajn babilojn, per spiraletoj el fumo de cigaredoj, kun la komplemento de likvoroj aŭ refreŝigaĵoj, en moviĝema medio de la bufedo, dum publiko neesperantista eniris en salonon por aŭdi argumentojn en la

**PRELEGO DE D-RO HERRERO**

Ĉar dediĉita al ĝenerala aŭdantaro, la disertacio estis en hispana lingvo. Nia kara Prezidanto, ankoraŭ ne tute bonfarta, sed batalpreta, kiel ĉiam, analizis aspektojn de nia strebado por la Internacia Lingvo:

*«La lingva diverseco estis biblia puno en Babelo, kontraŭ la homa malhumileco. Sed, post tiu malbeno, Dio ankaŭ donis multlingvan kapablon al siaj disĉiploj, por pli trafa disvastigo de la Evangelio tra la mondo. Nu, same kiel estas logika ago kuraci malsanon aŭ ŝirmi sin de malbona vetero, ankaŭ estas logika la klopodo --neniel kontraŭa al la decidoj de Dio-- serĉi komprenon inter diverslingvaj homoj, malgraŭ la obstakloj tion malhelpantaj: lingva naciismo, rutino kaj, super ĉio, senzorgemo de la akademiaj aŭtoritatoj. Esperanto ne atingos oficialigon, se la ŝtatoj, akorde kun la universitatoj, ne devigas ĝian uzon, kiel oni devigis la metran sistemon kaj higienajn metodojn por la publika sano. Ni devas tamen rekoni, ke tiu neglekto precipe ekzistas pro nebula kono pri Esperanto; ekster niaj vicoj, oni nenion scias pri ĝia riĉa literaturo nek pri la efektiva internacieco de nia lingvo. Nenion ankaŭ pri ĝia praktika ĉiutaga apliko, spite obstina blindeco de respondecaj regantoj. Kompreneble, por studi la germanan teknikon, oni devas lerni la germanan lingvon; same kiel por komerci kun angloj, oni devas lerni la anglan, sed, la tempo estas tro limigita, por studento aŭ por sciencisto; kaj oni ne povas dediĉi duonon de sia vivo por fuŝe lerni du aŭ tri lingvojn. Esperanto ekzistas por eviti tion; ĝi atingis pozitivajn rezultatojn, ĉar --jam nun-- multaj turistoj, komercistoj kaj fakuloj sukcesas senpere rilati, kun alilingvaj kolegoj, en fremdaj urboj, dank' al la genia kreaĵo de D-ro Zamenhof.*

*En la grandaj konferencoj kaj kongresoj internaciaj regas konfuzo pro la entrudiĝo de du aŭ tri naciaj lingvoj, fuŝe konataj aŭ tute nekonataj de granda plimulto el la ĉeestantoj. Same okazas en prelegado de eksterlandaj eminentuloj, kies vortojn komprenas nur kelkaj aŭskultantoj. Responde al tia ĥaoso, la esperantista popolo prezentas la nekontesteblan fakton de siaj kongresoj,*

*kiel ĵus en Varsovio, kie 3456 gekongresanoj el 45 landoj, de la kvin kontinentoj, montris al la mondo klaran ekzemplon de absoluta kaj facila interkompreno. Cetere, plej rimarkinda aspekto de ĉi tiuj supernaciaj renkontiĝoj estas ne ja la komuneco de neŭtrale homa lingvo, sed ĝia natura sekvo: kono de apartaj temperamentoj, por sincera estimo kaj funda amikeco.*

*En nia lando, malgraŭ la fakto, ke preskaŭ ducent milionoj da personoj parolas la hispanan lingvon, Esperanto ĝuas simpation ekde sia unua epoko. Elstaraj figuroj, kiel D-ro C. Cortezo, Torres Quevedo, Juan de la Cierva kaj aliaj estis fervoraj esperantistoj. Sekvante ilian ekzemplon, ĉiuj, kiuj havas bezonon aŭ sentas deziron rekte rilati kun eksterlandanoj, devas aliĝi al la hispana familio esperantista, sen atento al eraraj aŭ insidaj kritikoj. Laŭ tio, kiel fino por la argumentado, estas oportuna kaj trafa la frazo de franca filozofo Montaigne: «Ni sekvu kaj disvastigu la veron, eĉ en la okazo, ke la stultuloj ĝin ne komprenos!»*

La ovacio, kiu eksplode tuj sonis, liveris inspiron al S-ro Dionisio Ric por la fermaj paroloj. Li memorigis la detalon, ke Malaga estis la unua hispana urbo, kie, fine de la pasinta jarcento, jam funkciis en liceo kurso de Esperanto. Bona maniero dece honorigi la tiamajn pionirojn estas la sukcesa disvolviĝo de la Kongreso, kio faciligos la klopodojn fondi Grupon en la urbo. La respondecaj instancoj konscios pri la grava signifo apogi la entreprenon, kiu frutempe meritis varman simpation de la hispana reĝo, Alfonso, la XIII-a

Denove, la publiko varme aplaŭdis, antaŭ ol foriri tre kontenta. La neesperantistoj favore komentis la pravon de argumentoj, kiujn ili aŭdis unuan fojon. Libera vespero kaj nokto estis oportuna ŝanco por aranĝi rendevuojn, cele al posta renkontiĝo, sen *oficiala* programo; kvankam, ***viktimoj*** de la oficialeco, S-ro Eleuterio Moreno kaj mi laboris ankoraŭ ĝis malfrue, en la Gazetara Servo; kompense, plaĉa kuniro al niaj loĝejoj, tra dezertaj silentaj stratoj, donis okazon al ni ambaŭ por amika interbabilo, ne sen konfidencoj, pri la spertitaj ĝenoj, aluditaj komence de la kroniko.

La matenaj impresoj, en la araba palaco, iom efikis dum la nokto, ĉar, jam kuŝanta sur malpeza matraco de la tendo, mi pensis, ĉu ĝi transformiĝos en fluganta tapiŝo...



Altega ponto kun svelta arko estas enirejo de Ronda

## ĴAŬDO — 20. AŬGUSTO

... Kaj, jen tuta tago por sonĝo en realo:

### EKSKURSO AL RONDA
#### LA BRAVA URBO SUR ROKEGO

En granda placo, inter la haveno kaj la centraj avenuoj, fronte al moderna konstruaĵo de la Ŝparkaso, atendas aŭtobusoj por sopire atendata vizito al tiu nesto de agloj. Post kelkkilometra marŝo sur ebena ŝoseo, paralela al la maro, preter luksaj hoteloj kaj someraj restadejoj, oni subite deflankiĝas norden kaj eniĝas defie en la dekoracion de ampleksa montoĉeno.

La panoramo estas tiam grandioza, preskaŭ nepriskribebla, ĉar nur per okuloj oni povas kapti la majestecon de maro da... montoj! Dum multe kaj multe da tempo, la vojo serpentumas ĉe rando de abismoj, kiuj estas krutaĵoj el granito de pluraj kaj pluraj aliaj montoj, en senĉesa ondado, perdiĝanta en la horizonto.

Nur tre malofte, sur eta plataĵo, en fundo de ravino, blanka dometo atestas pri ekzisto de homoj. En tiel fora izolejo de sovaĝa naturo, iam sin kaŝis tre famaj banditoj, kiujn la popolo nomis ***bonkoraj,*** tial, ke —onidire— ili rabis nur al riĉuloj, por protekti kaj helpi la malriĉulojn...

Antaŭ ol admiro velkos, pro daŭre sama grandiozeco, ponto super profundegaĵo kaj ŝtona arkado signas eniron al la urbo —reĝino kun krono de montegoj— kies



blankajn domojn kaj arte kraditajn fenestrojn salutas la anhelantaj motoroj de niaj aŭtobusoj, ĝis feliĉa halto en la centra placo, fronte al arkado de Urbodomo.

Unua vizito estas al la kapturniga Tajo (elp. Taĥo), kruta tranĉaĵo en rokego, ege impona foso, kiu, de nia rigardejo, en la nova ponto, fundas 150 metrojn. Ŝtona ŝtupareto alkroĉiĝas zigzage al murego, kun plantoj kaj terasetoj, kiujn plenŝtopas geokongresanoj, precipe la junaj. Ree supre, en la urbo, oni gape vagas preter koketaj fasadoj de ordinaraj domoj, najbaraj al historiaj palacoj, ĉirkaŭ la renoma taŭroludplaco de Ronda, plej antikva el tuta Hispanio; atestas pri tio marmora statuo al Pepe Romero, fama toreadoro, kreinto de stilo, senafekta sed kuraĝa, kies skolo ricevis la nomon de la urbo. Tiu kurioza monumento staras en apuda aleo, apika belvedero, fermita per balustrado, kiu kronas vertikalecon de pli ol cent metroj. Cetere, ni ne nur ĝuas la sobran belecon de Ronda (nomo loga por esperantistoj) sed ankaŭ la simpation de ĝiaj loĝantoj, kio akiras materian oficialan formon pro

AKCEPTO KAJ LUNĈO EN LA URBODOMO

Tie, plenrajte, fariĝas ceremoniestro S-ro López Arillo, direktoro de la urba Ŝparkaso kaj *ministro* de la kongresaj financoj. En festsalono, brune dekorita, la kongreso ***kunvenas*** ĉirkaŭ jam ***familiaraj*** lunĉaj tabloj, kun densa garnituro de ĉiam bonvenaj frandaĵoj: kukoj, pasteĉoj, splitoj de ŝinko, olivoj, aveloj, migdaloj kaj... likvoroj —multaj kaj variaj likvoroj!— La urbestro, S-ro Francisco Carrillo de Mendoza, salute alparolas kaj ĝentile oferas la gastamon de sia urbo al ni, personoj, «kiuj reprezentas superan idealon de progreso». Tial, ke D-ro Herrero restis en Malaga, por kompletigi sian resaniĝon, mi ***uzurpas*** lian lokon por reciproki la afablajn vortojn de la urbestro. Je nomo de la ekskursanoj, en improvizita respondo, mi dankas la regalon kaj lirike laŭdas la naturajn mirindaĵojn de Ronda, krom ĝiajn multajn virtojn, por kies justa pritakso, scivola admiro kaj plena ĝuado, ni venis eĉ borderante abismojn...

Poste, en pli intima sfero, mi klarigis plurajn aspektojn de Esperanto al kelkaj interesatoj, precipe al urba kronikisto-ĵurnalisto. Ĉar horo por tagmanĝo la ***familio*** distribuis sin en restoracioj kaj kafejoj. Opaloj de matura posttagmezo, akorde kun la ŝoforoj, avertas pri oportuna forveturo. Adiaŭe sonoras klarionoj kaj zumas denove motoroj, laŭ premo de bremsoj, ĝis atingo de l' marnivelo, apud mem la maro. Diverskolora lumo de neono, en la luksaj hoteloj, kiujn matene ni preteriris, feine iluminas nun la vojon ĝis la fina haltejo, en la sama granda placo de Malaga, fronte al la haveno. La lumturo ĵetas intermite la faskon de sia potenca heleco tra arganoj, veloj kaj mastoj.

Noktaj reklamiloj vane vokas per lumaj grimacoj. Milda fizika laciĝo emas al mola horizontaleco de lito, post la akute brava vertikaleco de krutaj rokegoj. La nokto —tuta nokto— fine estas libere nia...

## VENDREDO — 21. AŬGUSTO

Graveda programo por la tago, jam en la komenco, postulas, kiel unuan devon, rektan partoprenon en serioza okupo:

**LA LABORKUNSIDO**

Tra la matena trafiko, S-ro Benito Muñoz kondukas min per sia motorciklo ĝis la Sindikata Domo, kie fruvenintaj laboremuloj pacience atendas. Soleneto antaŭas la sesion, pro ĉeesto de la provinca sindikata delegito, S-ro Adeodato Altamirano, kiu prezidas kaj salutas, oferante la domon, kiel propran hejmon, ĉar hejmo de laboro ĝi estas, por ĉiuj laborantoj. S-ro Dionisio Ric atentigas pri la favora sinteno de la aŭtoritatoj, kiuj meritas estimon kaj dankon. Tuj sekve, S-ro Fernando Bassi legas interesan raporton, kiun, kun la konkludoj oni submetos al la konsidero de la Registaro, pere de la Provincestro de Malaga.

S-ro Altamirano forlasas la salonon, inter aplaŭdoj. S-ro Mimó okupas la prezidejon por gvidi la debatojn de nia kunsido aŭ ĝenerala kunveno. Kiel raportanto, mi legas memuaron de la Estraro, kun aparta diskuto por ĉiu punkto. Administracio kaj financoj ricevas, kiel kutime, specialan atenton kaj longan diskutadon; fine, ne



sen pluraj hezitoj, oni aprobas provizore la decidon, kiun sugestis la privata kunveno: starigi kvar malsamajn kotizojn kun egala rajto, esperante, ke ĉiu membro volonte kontribuos, kiel eble plej alte. Ankaŭ oni akceptas principe la ideon, ke ĉiu membro de ĉiu Grupo, kiel kolektiva membro de H. E. F. pagu kotizeton.

Por pli taŭga funkciado de nia nacia organizo, oni esprimas deziron pliviglígi la sekciojn kaj fondi novajn. S-ro Mimó kredas utila tiu, kiun oni povus nomi de «Pioniroj», kun la celo stimuli kaj helpi la efektivigon de taŭgaj ideoj. S-ro Aragay, gvidanto de la Junulara Sekćio, informas pri sia fako kaj legas la regularon de tiu sekcio, kiu per siaj 143 membroj estas la plej grava. Oni aprobas la aŭtonomecon de ĝia administracio. D-ro Herrero proponas iom ŝanĝi kaj modernigi la statuton de H. E. F. kiu devas esti pli akorde kun la aktualaj cirkonstancoj. Oni aprobas la starigon de komisiono el tri aŭ kvin membroj, elektotaj de la Estraro, kiuj, en la venontjara kongreso, devos prezenti por studo projekton de nova regularo.

En la punkto pri BOLETIN, kies prilaboron detale mi klarigas, oni akceptas la ideon, ke aparta subredaktoro zorgu pri ĉiu rubriko: Junulara, Informa, Literatura, Sporta k. t. p. Mi promesas studi la aferon kaj agi konsekvence. Pri la ĉiumonateco de la gazeto nenion oni povas decidi, ĉar tio dependas de monrimedoj en la kaso kaj de tempo, kiu bedaŭrinde mankas al la redaktoro; sed, esperantistoj neniam devas perdi la esperon... En la ĝenerala parto, oni aŭdas sugestojn kaj petojn por internaj aferoj. Telegramo de S-ano A. Alonso Núñez, el Pontevedra, proponante tiun urbon por la venontjara renkontiĝo, estas aplaŭde salutata. Unuanime, do, oni tuj akceptas la galegan urbon por nia 21-a Kongreso, kiu devas okazi pli frue ol nunjare, meze aŭ fine de Julio.

La provizoraj konkludoj de S-ro Bassi fariĝas definitivaj, post kelkaj malgravaj ŝanĝoj, per unuanima voĉo. En la trafa dokumento ni pledas por enkonduko de Esperanto en la superajn lernejojn; pri revalidigo de Reĝa Dekreto (jaro 1911) laŭ kiu, posedo de Esperanto estas oficiala merito. Cetere, ni petas ŝtatan eldonon de libro kaj turismaj broŝuroj pri Hispanio.

La eventualeco de Universala Kongreso en Madrido, por 1961 estigis demandojn, kiujn la Estraro ne povas respondi, ĉar ankoraŭ ekzistas nenio konkreta pri tio. Post resumaj vortoj de D-ro Herrero kaj memorigo al forpasintaj federacianoj, la tuta kongresanaro staras por respekte laŭtigi la ŝatatajn strofojn de «La Espero», kio estas broĉo por la trihora sesio.

Refoje, la urbaj arterioj pliviglíĝas pro cirkulado de esperantistoj, en sencela vagado, ĝis la sesa, kiam efektiviĝos la

**VIZITO AL SINDIKATA INSTITUCIO**
**POR PROFESIA INSTRUADO «FRANCISCO FRANCO»**

Ĉar la Tendaro situas tie, en angulo de la ĝardeno, la tendaranoj zorge ordigas sian kampadejon, por kaŭzi bonan impreson al la vizitantoj, kiuj, efektive, konstatis perfektan ordon en la aranĝo. Direktoro de la Institucio, S-ro J. M. Merelo Palau, afable gvidis la ekspedicion kaj klarigis la funkciadon de ĉiuj instalaĵoj: aŭloj, kapelo, sportejo kaj laborejoj, moderne ekipitaj, por teoria kaj praktika instruado de bazaj profesioj al junaj metilernantoj.

Tie, do, plej oportune, okazas la

**EKZAMENOJ DE ESPERANTO**

En lernoĉambro, S-ro J. Aragay, federacia respondeculo por tiu fako, diktas gradigitajn ekzercojn al atentinda nombro da kandidatoj, precipe junaj, kiuj aspiras al la titoloj de kapableco aŭ instruiteco, kiujn nur al kompetentuloj la Federacio oficiale donas, okaze de siaj ĉiujaraj kongresoj.

Atenteme super siaj taskoj restas la ekzamenatoj, dum la vizitantoj forlasas la ejon kaj rapidas, por akurata alesto en

**PRELEGO DE D-RO M. SOLÁ**

Agrabla konstruaĵo, en kvieta kvartalo, estas la Domo de Kulturo. Tra vestiblo kun kolonoj kaj skulptaĵoj, oni venas al eleganta salono, kiu iel aspektas partero de kinejo. Vicoj da komfortaj foteloj frontas al estrado, kiun baldaŭ transformas en katedron la prestiĝa personeco de D-ro Solá, nia ŝatata oratoro. En flua Esperanto, laŭ klara prononco de trankvila voĉo, majstre li prezentas originalajn konceptojn pri influa forto en ideoj de poetoj:



*«La poezio estas nedifinebla; ĝi apartenas al la mondo de la sentoj. Tamen, se oni ne povas ĝin defini, oni povas ion diri pri ĝia deveno kaj celado. Vere, ĝi devenas de tiu mistero, kiu envolvas la surteran vivon. Ju pli scias la homoj, helpe de la Scienco, des pli komplika aspektas la meĥanismo de l' Universo. Ne nur la makrokosmo, sed ankaŭ la mikrokosmo fariĝas pli kaj pli kompleksa. Ĉi tiu mistero, do, estas kampo de agado por la fantazio kaj poezio. Kiam naturaj belaĵoj oftas, ili perdas intereson antaŭ niaj okuloj. Nur poetoj kapablas fari la miraklon revivigi la ĉarmojn de naturaj ĉiutagaj fenomenoj. Ekzemple, la difino, kiun la Scienco donas pri la lumo, estas tiel abstrakta, ke ĝi ne valoras por ordinara homo; sed, Meterlink kaj Dante, kiel poetoj, liveris pli klaran komprenon. Ŝajne, pro tio, elstaraj poetoj, en siaj poemoj, ne hezitas rekoni sian propran valoron. Legado de kelkaj mallongaj versaĵoj de Horacio, Shakespeare, Beaudelaire kaj Costa Llovera, same kiel aliaj citoj de Juan Ramón Jiménez kaj T. S. Elliot, pravigas la aserton pri la dirita memvalorigo, kiun oni neniel devas konfuzi kun vanto, sed akcepti kiel ateston de vero. D-ro Zamenhof ankaŭ rajtas rangi kiel elstara poeto, ne ja nur pro tio,ke li estas aŭtoro de belaj poemoj, sed precipe pro tio, ke lia verko. Esperanto --verko de scienculo kaj artisto-- estas, super ĉio, verko de poeto. En strofo de unu el liaj poemoj, troviĝas la kerno de lia tuta idearo; ĝi estas la toleremo, kiu motivigis la ellaboron de lia mirinda kreaĵo. Se tiu sento enradikiĝus en la cerbo de regantoj estus facile aŭguri helan estontecon.»*

Profunda senco en la enhavo, plastika beleco --beleco de Esperanto!-- en la formo, jen resuma sintezo de tiu interesa lekcio, kiun oni atente, *pende*, aŭskultis kaj entuziasme ovaciis. D-ro Solá, unu fojon pli, pruvante sian talenton, pruvis la superajn literaturajn kvalitojn de Esperanto, kiujn, en vivaj paroloj, oni nur okaze taksas.

La lastaj aplaŭdoj glite malstreĉis la risortojn de tuttaga plenokupo. Hodiaŭ, vespero kaj nokto, pli sukcese ol hieraŭ, delogas multajn al privataj amuzoj aŭ distroj: aventuroj sur ekrano de kinejo, babiladetoj en kafejo aŭ subtila odoro de jazmeno, en promenejo de ĝardeno...

Jes, vere ja, la vivo estas vivinda!

## SABATO — 22. AŬGUSTO

Varia estas la hodiaŭa programo, sed pia la komenco per omaĝo-vizito al la

### KAPELO DE LA VIRGULINO DE VENKO PATRONINO DE LA URBO

En grandioza templo, kie tronas figuro de la Dipatrino, sub alnomo tre plaĉa kaj simbola por esperantistoj, renkontiĝis kvazaŭ pilgrime la tuta kongresanaro. Oni preĝkantis Saluton en tiu sankta kapelo kaj oni admiris, en la trezorejo, multajn juvelojn kaj oferaĵojn, kiujn fervoruloj donacis. Elirinte el la kvieta sanktejo, oni refoje eniĝis en la svarmon de trafiko, laŭ promena marŝo de paca manifestacio, kiu diligente sin direktis al oportuna plenumo de dua *omaĝo:*

### VIZITO AL VINKELO

Malaga donas nomon al specialaĵo de dolĉa vino, fame konata en la mondo. Instalaĵoj de firmo «López Hermanos», kompetenta kaj prestiĝa vinkulturejo, okupas vastan areon en laborista kvartalo. Tra alta pordego, oni eniras optimisme en konstruaĵon, kiu aspektas kiel miksaĵo de fabriko kaj farmdomo: kalkitaj kortoj kun piramidoj da kestoj, pretaj por eksporto; larĝaj navoj, por manipulado, kaj... fine jen, en profundo, la tre dezirata kelo!

Grandega kripto, kie, simetrie lokitaj en vicoj, sur la kurba interspaco de siaj dikaj ventroj, ŝvitantajper nektaro, miloj da bareloj formas incite bonodorajn murojn de kurioza labirinto, en kies centra koridoro, S-ro López, unu el la mastroj, regalas nin per superverŝe malavara festena trinkado —kiu riskas transformiĝi en drinkado!— de ege rafinitaj vinoj, kiujn ĉiuj palatumas, kiel ambrozion. Apogeo venas, kiam du servistoj, provizitaj per korboj, abunde distribuas specimenajn boteletojn, kiel rememoraĵojn de la vizito. D-ro Herrero dankas la mastron kaj avertas la gastojn pri konveneco meti finon al la tostoj, por ne perdi, sed gardi la vertikalecon...

Ho, nenia danĝero pri tio! Ankoraŭfoje, dum adiaŭo, oni vivuas la gastigantojn. Decas optimismo, ĉar, en andaluzaj vinoj troviĝas, laŭdire, elradiaĵoj de suno. Jen bona aperitivo por antaŭi tagmanĝon, kiu ĝustatempe antaŭos pliajn emociojn.





Luis Hernandez volas vivigi, eĉ per gestoj, sian laŭdon al Marbella.
En la prezidejo: S-roj Rafael Herrero, Dionisio Ric, Ricardo Lucena --urbestro-- kaj José Sola.

**EKSKURSO AL MARBELLA —JUVELO DE LA SUNA MARBORDO**—Frue, je la kvara posttagmeze, aŭtobusa karavano ŝoseas preter lumaj strandoj --la Suna Marbordo!-- kaj luksaj hoteloj aŭ someraj restadejoj, jam konataj, okaze de la ekskurso al Ronda. Ĉi-foje, la pejzaĝo daŭras longe en sia kosmopolita fasono. Duonvoje, haltas la karavano por viziti la ĝardenojn de fama bieno «Retiro». Ĝi estas romantika loko, vere fabela, kie multenombraj fontanoj, per siaj ŝprucigiloj, flustras poemon el akvo. Limigita tempo devigas forlasi tiun plezurejon, por daŭrigi la ekskurson ĝis fino de l' veturo: Marbella! Jen koketa urbo, kies blanka domaro etendiĝas ŝtupe, laŭ vastaj malaltaj peronoj, kun lerte dresita tropika vegetaĵaro --aleoj, ĝardenoj kaj parkoj-- ĝis orita sablejo, kiun karese lekas mildaj ondoj de la Mediteraneo, en ĝia plej okcidenta ekstremo, kien enfluas akvo de la Atlantiko.

Reprezentantoj de la urbo atendas nin kaj gvidas al ombrejo de apudmara restoracio, kie la urbestraro aranĝis akceptejon kaj... —ankoraŭfoje!-- lunĉon. Kiel bando da paseroj, la gejunuloj rapidas okupi strategiajn poziciojn, por facilmove sidi ĉirkaŭ pretaj longaj tabloj. La urbestro, S-ro Ricardo Lucena Sola, eskortita de stabo da gravuloj, prezidas kaj signas komencon de la agapo. Por doni al ĝi maran etoson, post la kutima serio da kukoj, pasteĉoj, likvoroj k. t. p. oni regalas nin per tipa manĝaĵo, nomata *moraga:* grandaj ĵus rostitaj sardinoj, kiujn oni abunde prezentas en sinsekvaj teleroj. Nenecese diri, ke la apetito estas bona, same kiel la ĝenerala humoro, kiu, iom post iom, rangas en kresĉendo, ĝis kulmino de treege belaj popolaj kanzonoj de sentema artistino, edzino de komitatano, S-ro José Solá Acero, kun kiu ŝi rideteme ricevas aplaŭdojn kaj gratulojn.

Ankoraŭ en fluso de tiel verva tajdo, la urbestro, S-ro Lucena, bonvenigas la kongresanojn kaj ĝojas pro la vizito. D-ro Herrero reciprokas la saluton kaj *malfermas pordon* por aliaj paroladetoj. Invitata ion diri, mi ankaŭ devas manipuli mikrofonon —vere, sufiĉe mallerte!— por laŭtigi lirikajn laŭdojn al la senkompara beleco, spirita kaj materia, kiu nin envolvas per zefiro de tiu antikva maro de kulturo kaj arto, el kies ŝaŭmo formiĝis --ho, kia forto tiu de grekaj mitoj kaj legendoj!-- la superbela korpo de Afrodita...

La *kunsido* finiĝis, por transformiĝi en *kuniro* al la urbo mem, tra mallarĝaj sed puraj stratetoj, ĝis la centra placo, preskaŭ kvadrata, kun plaĉaj malaltaj domoj, inter kiuj plej rimarkinda, kompreneble, estas la Urbodomo, kiun interne ni vizitis, admirante ĝiajn salonojn kaj vidindaĵojn, sub kompetenta gvido de afabla oficisto.

Amikaj manpremoj, ĉe la adiaŭo, sigelis la estimon, kiun kelkhora restado kreis, inter ni kaj la ĝentilaj urbaj aŭtoritatoj.

Returne, la neonaj lumoj de la vojo reflektas sin petole, sur la fenestraj kristaloj de nia aŭtobuso, kie intertempe sukcesas *konspiro* de la gejunuloj, kiuj surprize proponis, ke, post fermo de la Kongreso, anstataŭ rekte reveni al Valencio, ni faru rapidan rondiron tra Seviljo kaj Kordobo, eĉ kvankam nur pase. Akceptinte la sugeston, oni tuj skizas planon por plej trafa



efektiviĝo. Tial, la lumturo de l' haveno, ĉar jam en Malaga, pafas siajn helajn lumradiojn sur vizaĝojn de pasaĝeroj, kiuj, se lacaj pro la veturo, ankaŭ estas tre kontentaj, pro sukceso de la ekskurso kaj pro la ĵus bakitaj projektoj. Cetere, nokto de sabato ankoraŭ estas profitebla...

### DIMANĈO — 23. AÚGUSTO

Kvankam regula tago en semajno, dimanĉo estas esence diferenca de ordinara labortago kaj eĉ de eksterordinara festotago. Ne ja nur malvigla trafiko aŭ fermitaj butikoj, sed la ripoza paŝado de piedirantoj --precipe, patroj kun infanoj-- donas al stratoj plej difinitan nuancon de dimanĉo. Kun tiu ripoza sinteno, ankaŭ kun infanoj, la kongresanoj matene iras, laŭ sama direkto, el plej diversaj punktoj, al

#### LA SANKTA MESO

Antaŭ la grandioza fono de la ĉefa altaro, la Kongreso kunvenas ĉi-foje nek por diskutoj, nek por amuzoj, sed por serene mediti, en spirita ekzercado de sentoj kaj pensoj, pie sekvante samtempe la religian ceremonion, kiun kompletigas esperantaj vortoj de *nia* pastro Casanovas de sur la predikejo. Lia klara voĉo insiste admonas, avertas kaj instruas pri riskoj de malkonkordo, se ne ekzistas komuna ligilo spirita, inter homoj ĉiugentaj.

Esperanto estas plej taŭga rimedo por tio, same kiel ĝi devas esti faktoro, por konservi unuecon inter kristanoj de la tuta mondo, laŭ profeta eldiro de Sankta Pio X.*

Plaĉe vibras tiuj vortoj, ĝis fino de la diservo. Tiam, oni iras pozi ekstere por

#### KOLEKTIVA FOTOGRAFADO

Ĝuste, antaŭ la ŝtonaj kolonoj, kiuj ambaŭflanke eskortas la feran pordon de la Katedralo, la kongresanoj en grupego frontas al tripieda fotografilo kaj al scivolaj rigardoj de preterpasantoj, kiuj nun havas okazon vidi en kolektivo, honore prezidata de aŭtoritatoj, la protagonistojn de tiu serioza *ludo* —Esperanto!— pri kiu ĉiutage informas la urba gazetaro.

Apenaŭ *ekpafas* la fotografaparato, tuj diseriĝas la vivanta bildo, ĉar jam eternigita la momento, en la arkivo de la hispana esperantismo. Estas sufiĉa tempo por iom promeni, ĝis oportuna horo de

#### LA OFICIALA BANKEDO

Preskaŭ interne de la urbo, kiel sekvaĵo de la *Alcazaba,* estas la alta monto «Gibralfaro» kovrita de arboj. Supre, sur natura belvedero, kuŝas konstruaĵo de tre moderna restoracio. En teraso, kiun enkadrigas kolonoj de arkado, kunsidas refoje ĉirkaŭ tablo *nia diligenta kolegaro,* kiu en laboro paca ne laciĝas... Ĉu ne estas ja paca laboro abunde kunmanĝi?

Atestu pri tio, sen *tabuo,* la sekvanta

**MENUO**

*Buljono Salato*
*Labrako inter du saŭcoj*
*Kokidaĵo kun gelateno*
*Tabuleto da Jorka ŝinko*
*Tabuleto da hispana ŝinko*
*Torto «Gibralfaro» — Pokalo garnita*
*Likvoroj: brando kaj konjako*
*Vino: «Diamanto»*

Sprito rimas kun apetito; kaj ĉi-okaze ili ambaŭ bone harmonias en la evoluo de la festeno, kiu inde kronas serion da lunĉoj kaj regaloj. Kuleroj tintas sur glasoj kaj boteloj, petante silenton, ĉar venis vico por la tostoj. Unue, kompreneble, ĉe la prezidantaro, en formo de komplimenta retoriko, kiu baldaŭ demokrate evoluas kaj transiras al la *amaso,* kie spontane pompas en deklamado de elektitaj poeziaĵoj, honore al la dignaj aŭtoritatoj kaj ĵurnalistoj, por ke ili mem konstatu, kiel bele kaj muzike sonas nia lingvo, eĉ kvankam ne rekte komprenante ĝin.

Ree malsupren, rigardante la urbon en riĉkolora panoramo, oni komentas, ke literatura epilogo, por bankedo, povas esti bona prologo por la lasta ceremonio:

#### LA SOLENA FERMO

En la sama salono de la Urbodomo, kie okazis la Malfermo, rendevuas nun la kongresanoj, konsciaj pri la fatalo, ke ĉio, kio komenciĝis, nepre finiĝos... Serena lumo de matura posttagmezo nostalgie kontribuas al etoso de l' momento.

Urbokonsilanto, S-ro Kraus, kaj policestro, S-ro E. Barranco, prezidas kaj atente aŭskultas la adiaŭajn frazojn de S-ro Dionisio Ric —ĉiam preta, neniam laca!— kaj D-ro Herrero, kiu je ĉies nomo dankas



la gastamecon de Malaga. S-ro Bassi legas la konkludojn, en definitiva redakto.

Responde al koncerna voko, mi supreniras la podion kaj resumas la travivitajn emociojn, kiuj efikis fantazie ĉe ni ĉiuj, kvazaŭ la efektiva realo de tuta feliĉa semajno estus efemera iluzio de sonĝo.

Kunkanto de «La Espero», vivuoj kaj aklamoj estas adiaŭa salvo al la plenbrile okazinta 20ª Kongreso, tiel propra... Poste, en vestiblo de la Urbodomo, en pli intima atmosfero de dise starantaj grupoj, oni renodas babilojn, oni interŝanĝas adresojn kaj oni eĉ planas taŭgajn projektojn por la venontjara renkontiĝo en Pontevedra.

Krepusko de dimanĉo ankaŭ avertas la surstratajn homojn, ke la ferio finiĝas...

---

Lundo, 24. Je la kvara matene —alta nokto ankoraŭ!— la aŭtobuso de la Valencia ekspedicio estis plenokupata kaj preta por la postkongresa ekskurso, kiun la gejunuloj proponis, al Seviljo kaj Kordobo.

Malaga silente adiaŭas nin per sia nokta iluminado, en la kvieteco de tute dezertaj stratoj. Unu horon poste, supre jam sur najbara montaro, ankoraŭ la urbo —jen dekstre, jen maldekstre— laŭ turnoj de serpentuma vojo, mistere sin montras, inter nigraĵo de la fundo, kiel malfermita kofro de fabela pirato, kaprice ŝatanta rigardi, je lumo de luno, la rebrilojn de rubenoj kaj smeraldoj, en ega svarmo...

Tagiĝo vekas el dormo birdojn en la arboj kaj homojn en domoj de blankaj vilaĝoj. Radianta mateno pompas, kiam nia veturilo haltas en difinita placo de Seviljo. Tie atendas nin, pro ĵus ricevita telegramo, du kompetentaj kaj fervoraj samideanoj: S-ro Rafael Fiol Paredes kaj S-ro Carlos Martínez, kiuj akurate zorgas por rapide profiti la tempon en vizitado.



**Admirinda kolonaro en la Moskeo de Kordobo.**

Unue, S-ro R. Fiol, kies moŝtindeco de sanitara generalo donas kategorion al sia sperto de afabla ĉiĉerono, gvidis al plej rimarkindaj vidindaĵoj: la gracila turo «Giralda» (elp. Ĥiralda) fama emblemo de la urbo, iama minareto de moskeo, nun Katedralo ĉirkaŭata de pitoreskaj stratetoj trankvilaj de kvartalo «Sankta Kruco».

Posttagmeze, S-ro Carlos Martínez, la granda Karolo, forta batalanto, eterne juna pioniro, kun sia edzino akompanis nin al la «Parko de María Luisa», fierindaĵo de la urbo, tra kies aleoj ni vagis plezure unu horon, antaŭ ol nepra foriro al Kordobo, iama ĉefurbo de la hispanaj kalifoj, relikvo de artaj juveloj kaj nun gastama urbo, kiun nia aŭtobuso atingis, komence de la vespero, kiel etapon por tranoktado.

Kvankam en Kordobo, antaŭ tridek jaroj, floris vigla Esperanto-movado, loĝas nun tie, bedaŭrinde, neniu samideano. Ni devis do zorgi mem pri la loĝado. Sed, bonvene akceptataj en konvena hotelo, ĉiuj povis —antaŭ ol enlitiĝi— gape vagadi tra tipaj stratkruciĝoj, kio certe liveras agrablajn turismajn surprizojn, kiel en tiu placeto, kie frape impresas la dolora Kristo de la Lanternoj, kies flagrantaj flametoj estas sola lumo, en dense envolvanta mallumo.

Frumatene, en la sekvanta tago, mardo, gajaj bandoj da hirundoj, en skerco de triloj, vokas al vekiĝo kaj promeno. Unua vizito, kompreneble, kondukas al la Moskeo, glora mirindaĵo, kiu, spite la jarcentojn, estas plej definitiva monumento, kiu atestas pri ankoraŭ ne superita grado de Kulturo kaj Arto, kiun atingis la hispanaj araboj, jam antaŭ pli ol MIL jaroj... kiam estis tempo por longe mediti kaj pacience labori.

Sed, en nia epoko, supersona galopado de la tempo devigas al streĉa rapideco. Nur tagmeze, kaj la aŭtobuso jam reveturis englutante kilometrojn, sen halto ĝis Albacete, por vespermanĝo, ĉe la rando de teritorio, kiu historie nomiĝas Valencia regiono.

Proksimeco de la hejmo idealigas ĉiujn kongresajn epizodojn, kiujn mi ekzaltas nun, en adiaŭa tosto, per nektaro: la dolĉa vino de Malaga! LUIS HERNANDEZ



 Salvador Gumá (Reus)

# 44ª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN VARSOVIO

La grandioza Kongreso en la Zamenhof-jaro estis la unua, kiun mi partoprenis. Kiel, antaŭlonge, mi povus pensi, ke iam mi starus antaŭ la domo, kie Zamenhof naskiĝis, antaŭ la alia, kie li loĝis kaj verkadis Esperanton, antaŭ la tombo, kie li ripozas?

Ne malesperu, junaj samideanoj, dekoj da surprizoj agrabligos al vi la vivon!

La Kongreso disvolviĝis en Palaco de Kulturo kaj Sciencoj, admirinda konstruo pro siaj vasteco kaj beleco. (Mi liftis ĝis la 30ª etaĝo kaj mi mezuris tie ĉ. 1200 kv. metrojn). Pli ol 3000 kongresanoj el la tuta mondo (42 landoj) svarmis interne. La fono de la Kongreso estis la martira Varsovio, ĉar ĝiaj 80 % estis ruinigitaj per bomboj kaj fajro. Eĉ la kripto de grava Katedralo, kun siaj ĉerkoj de estintaj herooj aŭ gravuloj, estis detruita. Neatingite de la detruo restis tiu de Sienkiewicz, aŭtoro de «Quo Vadis?», kiun ni rigardis respekte. Nun tiu Katedralo estas nove konstruita, same kiel preskaŭ la tuta urbo.

Akompanate de F-ino Danuta, ni eniris monaĥinejon. La Estrino diris aplombe: «Cio, kion vi vidas estas nova, ĉar la germanoj laŭsisteme forbruligis la tutan urbon, domon post domo. Polaj junuloj estis dek-mil-ope mortigitaj en Oŝwiecim, sed ni ĉion pardonas al ili». --Laŭdinde, mi respondis, se nur ne plu ili faros tion!--. Hm, ŝi eklevis la ŝultrojn...

Nun, kara leganto, vi scias sur kia fono materia kaj spirita okazis la Kongreso.

La kutima Interkona Vespero estas plaĉa, grava kongresero; renkonti geamikojn, ekkoni novajn, sed... kiel enmemorigi nomojn kaj vizaĝojn? Granda ĝojo por mi estis renkonti S-ron Jan Zawada, sekretario de la Organiza Komitato, ekkonitan antaŭ 34 jaroj.

Sekvis la Solena Inaŭguro. En la nomo de la hispana esperantistaro, salutis trafparole lia Moŝto Miguel Sancho Izquierdo. Vera ĝuo estis la festparolado de S-ro Ivo Rotviĉ, flua, klara, bela. Tre bona programero estas la Internacia Somera Universitato; sed la kongresprogramo estis tiel densa, ke samtempe okazis eĉ kvar kunsidoj. Tial, malgraŭ bedaŭro, multo restis nevidita. Tre interesaj prelegoj: de D-ro Popoviĉ, pri «Interplanedaj Vojaĝoj», en vere klara lingvo; de D-ro Canuto, pri «Praktikaj aplikadoj de l' seksa diagnozo en ĉeloj»; de Marjorie Boulton, pri «Joseph Conrad, polo kiu estis granda angla verkisto» (ŝia tro «angla» prononco ĝenetas); de Inĝ. Rzymkowski pri «Pola Mezepoka kaj Renesanca Arkitekturo». La publika debato de nia Akademio pri Geografiaj Nomoj vekis grandan intereson. Raportis S-ro Tibor Sekelj en tute natura, klarega parolo. Subite aperis amaso da diskutontoj. Unu el ili, tre klera esperantisto, prezentis la aferon amuze kaj ridige.

Alia penis paroli malgraŭ silentiga aplaŭdado! Aliaj, nek tro klaraj, nek tro kleraj. Mi silentis kaj aŭskultis. La konkludo? Transigo al fakul-komisiono! Samtage okazis la Oratora Konkurso por junuloj. Rekomendinda ekzemplo por dubantoj kaj balbutantoj.

La 5an de Aŭgusto: Bona surstrata propagando, okaze de la malkovro de memortabulo sur la domo de D-ro Zamenhof (strato Zamenhofa, 5). Paroladis gravuloj kaj sonis potence la profunda voĉo emociiga de Julio Bagy. De tie ni iris al tombejo, kie ripozas D-ro Zamenhof. Tri el la hispanaj delegitoj (S-roj R. Gastón, M. Sancho kaj mi) surmetis sur la tombon en la nomo de la hispanaj esperantistoj, grandan, belan florkronon, kun verdaj rubandoj, kunigitaj kun alia nacikolora. La ceteraj hispanaj delegitoj surmetis florbukedojn kun rubandoj, surhavantaj la nomon de la oferanto. Pri la krono, la bukedoj kaj rubandoj, diligente zorgis kaj en ĉiu detalo klopodis fratinoj Gastón el Zaragozo.

Ni volis ekvidi Bialystokon, kie naskiĝis nia Majstro. La vetero estis pluvema, sed ĉio bone prosperis. Oni malkovris tabulon sur nova lernejo, kiu nomiĝos «Zamenhof», kaj oni masonis la unuan ŝtonon de monumento al li. Geknaboj en ekskursista vesto bonvenigis nin kaj senlace pripetis aŭtografojn. Tie la urbestraro akceptis la delegitojn, po unu el ĉiu lando, por simbola reprezento. La hispana estis S-ro Victor Ortiz.

La Oficiala Akcepto, fare de lia Moŝto Piotr. Jaroszewicz (Jaroŝeviĉ) Ministro Vic-Prezidanto de Pola Popola Respubliko, estis kortuŝa kaj stomaktuŝa: Imagu tri milojn da starantoj apud tabloj, abunde garnitaj eĉ per kokrostaĵo kaj pokaletoj da brando (Wodka). Mi estis scivolema pri la gusto, sed mia langopinto brogiĝis je la ektuŝo. Tamen, iu junulino povis sengrimace engluti tri sinsekvajn pokaletojn! Ĉiu kongresano ricevis invitilon.

La teatraj prezentadoj estis altnivelaj, vere vivaj; unue. «Pigmaliono» de B. Shaw; due «Friponaĵoj de Skapeno» de Molière, majstre ludataj; (aliajn prezentaĵojn mi ne povis vidi);

**fine, en Krakovo, la belega** Opero «Halka» (Trad. de Grabowski) kantata en Esperanto. Ankoraŭ sonas en mia kapo la bela ario: «Kiel rompita, vente arbeto...»

Ni vizitis la monaĥejon en Censtoĥova. Estis dimanĉe, kaj ĝia preĝejo estis plenega. La IKUE-anoj estis akceptataj de la tiea episkopo, kiu donis skribitan saluton al F-ino Inés Gastón por transdono al lia Moŝto, Episkopo Morcillo, el Zaragozo. Unuafoje en la historio de Censtoĥova, sonis esperantaj kantoj kaj prediko en ĝia fama preĝejo, kien pilgrimas tute libere multegaj homoj. Ni preterveturis la urbon Nowa-Huta, kie en la daŭro de tri jaroj «elkreskis» domoj, por 130.000 homoj, kaj ŝtalproduktejo, ĉe kiu mi kalkulis ĉ. 40 fumtubegojn. Laŭ tiu takto, kiaj realigoj en proksima tempo, se daŭros la Paco!

Apud Wieliczka (Vieliĉka) ni vidis la mondon de la salo. Ĉiam malsupren, sur nefineblaj ŝtupoj, ĝis ni troviĝis en kapelo de Sankta Antonio, tute skulptita en salo. Pli malsupren, kaj jen nova preĝejo, pli granda, lumplena, tre vasta (ĉ. 600 m²). Pli malsupren, jen muzeo: Salkristalegoj diverskoloraj, naturaj; minej-maŝinoj; mamutdento ne el salo, sed de mamuto vivinta antaŭ... kiu scias? La gvidanto diris: 25.000 jaroj. Saktoj ĝis pli ol cent kilometroj... Per lifto ni «eltombiĝis» el 120 metra profundeco. Jam surstrate, ŝajnis al mi ke mi venas de alia mondo. Tre kontentiga estis la lingvo parolata sur la estradoj; jen Vietnama poeto, jen profesoro Japana, jen reprezentanto Egipta, jen Indoneza sinjorino. Mi promenis brakbrake kun la vietnama ambasadoro en Moskvo, kaj ni pli klare interkompreniĝis ol mi kaj mia samlanda najbarino, havantaj ne komunan lingvon.

La lingvo de la publiko aperas tro simpla, naiva, preskaŭ infana. Mankas lingvoregado, natura flueco, orelkutimo. Ĉiu scias ŝerci, ridigi, spritaĵadi, insulti en sia lingvo, eĉ rapide parolante. Kial ni nur balbutu, kaj pli grave, petu balbutadon al aliaj?

Kongresa resumo estis: Peti al Registaroj ke ili studu la eblecon enkonduki Esperanton en la lernejojn, kaj peti al la Pola Registaro, ke ĝi estu la unua iniciati la demarŝojn.

La lastaj vortoj de la Kongreso estis: ĜIS REVIDO EN BRUSELO!

---

#### LA 32ª KONGRESO DE S. A. T. ESTIS SUKCESA MANIFESTACIO EN DORTMUND

*En la germana urbo Dortmund (Vestfalio), grava laborista centro, pro minoj kaj uzinoj, rendevuis 425 personoj el 12 landoj, por kongresi en bona kamaradeco. Tiu sufiĉe atentinda nombro ŝvelis ĝis preskaŭ 800, dum la dimanca Solena Malfermo en teatro «Universum«. La urbestro, k-do Keuning, flue uzante nian lingvon, esprimis sian ĝojon kaj memorigis, ke ĝuste antaŭ 30 jaroj li ĉeestis, kiel juna membro, la 9an SAT-Kongreson en Leipzig. Nun la urbo, kiun li administras, larĝanime gastigis ĉiujn vizitantojn. La gazetaro, radio kaj eĉ televido informis amplekse. La infankongreseto, ĉi-foje kun aparta programo, kunvenigis 30 geknabojn el 5 landoj. Laboro fluis en tri kunsidoj bone vizitataj. En la kadro de «Laborista Universitato» okazis du interesaj prelegoj. Krome, en la Kultura Vespero, brilis muzika programo kaj la ĥoro de Sindikata Unuiĝo. Aarhus (Danlando) estis aklamata kiel venontjara kongresurbo.*

---

## ESPERANTO EN LA POLA SANKTEJO DE CZESTOCHOWA

La Unua Internacia Pilgrimo al tiu sanktejo estis grava epizodo por la Katolikaj Esperantistoj, kongresintaj en Varsovio, kiuj tiel ne nur honoris la 30an datrevenon je ekzisto de Pola Katolika Unuiĝo Esperantista, sed ankaŭ rememoris la viziton de la nuna Sankta Patro, Johano XXIIIª, al la «Hela Monto» en 1929. La Pilgrimon partoprenis reprezentantoj el 20 landoj, alportintaj al la fama pilgrimejo sian lingvon kaj veran internacian spiriton. En grupo de pli ol ducent katolikaj samideanoj, oni marŝis al la mirakla kapelo, kie Lia Episkopa Moŝto, Ekscelenco Stanislao Czajka, celebris la Sanktan Meson kaj faris kortuŝan predikon en Esperanto, kiu bonege impresis.

Oni devas rimarki, ke, kvankam miloj da pilgrimantoj troviĝis en la Sanktejo, nur aŭdiĝis esperantlingvaj kantoj, kiujn laŭtigis, kiel en Varsovio, eĉ neesperantistoj kantantaj kun niaj samideanoj. Tiuj internaciaj preĝoj kaj kantoj en Esperanto havis fortan efikon. Oni povas diri, ke nia lingvo kvazaŭ internaciigis la katolikismon en tiu pola landparto, Post la diservo, la gastoj el tutmondo detale pririgardis la konatan monaĥejon; la geesperantistoj el Censtoĥova montriĝis bonegaj kaj lertaj ĉiĉeronoj. La historia pilgrimo al tiu Sanktejo, kies partoprenintoj lasis pri ĝi specialan memortabuleton, estos por longa tempo grava dato por la pola IKUE-movado. Inter la votaĵoj, troviĝos de nun esperantaj vortoj kaj stelo, menciantaj la Zamenhof-Jaron, 1959, kaj la Unuan Esperanto-Pilgrimon al tiu Maria-Ĉefurbo en Pollando.

**Kompilo el «Espero Katolika», Oktobro 1959.**

## Resumen de las conclusiones de la Sección de Ciegos HISPANA ESPERANTA AÚRORO

**«Hispana Esperanta Aúroro», reunida en 5.ª Asamblea General, durante el XX Congreso Español de Esperanto celebrado en Málaga, adoptó entre otras las siguientes resoluciones:**

**1.º—Pedir al Jefe de la O. N. C. E. la definitiva inclusión de la enseñanza del Idioma Internacional Esperanto en todos los Colegios de este Organismo, dando así cumplimiento a las peticiones en este sentido, formuladas por las precedentes Asambleas Generales de «Hispana Esperanto Aúroro», así como a la resolución que en este sentido ha adoptado recientemente el Consejo Mundial para el Bien de los Ciegos en su Asamblea General, reunida en Roma, durante los últimos días del mes de Julio próximo pasado.**

**2.º=Reconociendo los grandes servicios que la Federación Española de Esperanto viene prestando al movimiento esperantista en general y muy particularmente al de nuestro país, y conociendo las dificultades económicas por las que atraviesa dicho organismo, esta asamblea general decide cooperar económicamente, dentro de las posibilidades de la Caja de «Hispana Esperanta Aúroro», asignando a la referida Federación una cantidad en metálico a estudiar de común acuerdo entre las directivas de H. E. F. y H. E. A.**

**3.º—Se acuerda contribuir al pago de la corona que, por la representación española en el Congreso Universal, fué depositada en la tumba de nuestro glorioso Maestro.**

**4.º—Se acuerda ratificar en sus funciones de redactor del Boletín Esperantista de la revista braille «Relieve» (Organo oficial de «Hispana Esperanta Aúroro») al samideano Saul Orea.**

**Málaga, 23 de Agosto de 1959**
Firmado, **SAUL OREA**

---

**NOVA SIDEJO POR LA GRUPO DE BILBAO**
**Barrencalle Barrena, n.º 7 - 1.º**

Jen nova adreso, en centra strato, kie ĉiutage estos bonvenaj ĉiuj samideanoj.

---

*En Madrido, kie li loĝis, forpasis maljuna samideano, M. Guillén, kiu fervore batalis por nia afero en la heroa tempo de Esperanto*

—

*Alia fervorulo, S-ro Luis Domenech, el Barcelono, forpasis kiam li estis preta veturi al la Kongreso de Varsovio. Al la familioj de ambaŭ karmemoraj amikoj ni sendas nian plej sinceran kondolencon!*



---

**ESPERANTOLOGIO** **REAPEROS!**

Estas en preparo la dua volumo de ĉi tiu internacia revuo por la lingvistiko kaj bibliografio de Esperanto

**Interesatoj skribu tuj al la hispana peranto:**
**V. HERNANDEZ LLUSERA**
**Avda. Ejército Español, 59 — Sabadell**
**En la venonta numero aperos pli detala informo.**

---

**ATENTU!**

***Por kluba vespero pri ciganoj kaj enregistro de sonbendo pri sama temo, nia grupo danke ricevos tradukaĵojn en Esperanto de rakontoj kaj fabeloj pri ciganoj el la hispana folkloro aŭ fidindajn tekstojn pri cigana vivo.***

***Sendu la materialon al***

**S-ro A. Frangeul - 42, Rue du Pré-Pigeon**
**ANGERS (Maine-et-Loire) Francio**

---

LOABLE EJEMPLO.—El Sr. Alcalde de Fuentes de Ebro (Zaragoza), ha tomado la iniciativa de rotular con el nombre del Dr. Zamenhof una calle del bonito pueblo ribereño, puesto que considera que bien lo merece quien ha dotado a la humanidad con tan apreciable invento. En breve se celebrará la solemnidad, con asistencia de los esperantistas zaragozanos. Felicitamos cordialmente al Sr. Alcalde de Fuentes de Ebro por su decisión, que demuestra su alto nivel cultural y su recio criterio moral, puesto que su gesto ha sido espontáneo, absolutamente voluntario, y por ello más valioso.

---

***En Sabadell y Manresa, así como en el popular pueblo de Cheste, en la provincia de Valencia, se preparan importantes actos de homenaje al Dr. Zamenhof, de los cuales daremos detallada información en nuestro próximo número, que dedicará especial preferencia a tales reseñas***

● **¡OBSEQUIAD!** *A todos vuestros amigos y corresponsales del extranjero con el presente número extraordinario, que puede adquirirse a* **diez** *pesetas el ejemplar. Si se nos mandan las direcciones, lo expediremos directamente, corriendo a nuestro cargo el franqueo*



# PARA NUESTRO BOLETIN

(Donativos correspondientes a Julio-Octubre 1959)

| | | |
|---|---|---|
| Suma anterior | 4.596 | Ptas. |
| M. Ortigosa - Zaragoza | 10 | » |
| J. Benito - Zaragoza | 10 | » |
| M. Bausells - Barcelona | 26 | » |
| J. Lencer - U. S. A. | 650 | » |
| R. Quiles- - Valencia | 25 | » |
| R. Ricou - Santa Eugenia Ter. | 50 | » |
| M. Esteban - Zuera | 10 | » |
| E. Klubo S. R. Payá - Mislata | 150 | » |
| J. M. Lobato - Las Palmas | 30 | » |
| Dr. J. Bremón - Barcelona | 100 | » |
| A. Barbará - Alcocer | 5 | » |
| V. Perles - Miraflor | 15 | » |
| L. Serrano - Osorno | 20 | » |
| J. Orós - Zaragoza | 10 | « |
| M. Maynar - Zaragoza | 10 | » |
| Familia Criach - Sabadell | 100 | » |
| S. Magriá - Barcelona | 14 | » |
| F. Máñez y esposa - Zaragoza | 25 | » |
| A. Bohigues - Barcelona | 25 | » |
| J. Iranzo - Bilbao | 25 | » |
| F. Abella - Barcelona | 25 | » |
| L. Otaola - Bilbao | 10 | » |
| F. Vilá - Barcelona | 50 | » |
| V. Pérez - Tenerife | 100 | » |
| S. Cubero - Guadalajara | 15 | » |
| M.ª L. Moreno - Madrid | 50 | » |
| T. Gabardós - Alcover | 10 | » |
| T. Apraiz - Bilbao | 25 | » |
| S. P. Arranz - Madrid | 20 | » |
| E. Miralles - Valencia | 50 | » |
| N. Lebovici - París | 20 | » |
| A. Frangeul - Angers | 5 | » |
| A. García - Bilbao | 50 | » |
| S. Oliván - Ferrol | 15 | » |
| K. Lindström - Suecia | 20 | » |
| D. Dalmau - Barcelona | 40 | » |
| J. Peñalver - Soller | 5 | » |
| Total | 6.416 | Ptas. |

*Las veinticuatro páginas del presente número son el mejor testimonio de agradecimiento a todos los buenos amigos que se acuerdan de esta sección. ¡Adelante, pues!*

## TESORERIA

Relación de los números agraciados: 25 de Agosto. Núm. 29.145 a D. Francisco Alsina, de Barcelona, por su número 45.

25 de Septiembre. Núm. 36.208 a don Luis A. Ramírez, de Vera, por su núm. 8.



**La Tendaro situis tre bele**

## SFINKSA ANGULETO

LA HORLOĜO

*Horloĝo montras la dekduan horon.*

**Kiam ĝiaj du montriloj denove kuniĝos? Kiom da fojoj kaj je kia horo ili renkontiĝos dum la sekvontaj dekdu horoj?**

Ĝusta solvo gajnos unu poenton, ĝis 20. Novembro.

**SOLVO PRI LA PERSEKUTADO**
EN LA PASINTA NUMERO
**72 saltoj**

## KORESPONDADO

S-ro František Maderiyĉ-Priĉná, 4 **HAVIROV - I** (Ĉeĥoslovakio) deziras interŝanĝi glumarkojn kaj alumetetikedojn kun hispanaj gesamideanoj.

Ĉeĥa 43-jara kuracisto deziras interŝanĝi poŝtkartojn kaj marmorajn malgrandaĵojn kun hispanaj gesamideanoj.
D-ro Jan Schejbal
BERNARTICE U. TRUTNOVA (Ĉeĥoslovakio)

Al ĉiu, kiu sendos al mi ludilon por mia fileto, mi tuj sendos 6 seriojn da bulgaraj poŝtmarkoj. Adreso:
D. Kanĉev, zavod «V. Kolarov» n.° 1, sekcio n.° 6 — SLIVEN (Bulgario)

40-jara komerca agento deziras rilati kun hispanino je maksimuma aĝo de 30 jaroj por geedziĝa celo: S-ro Nello Lebovici. 64, Rue Sauffroy — PARIS - 17 (Francio)

S-ro Roberto Donderis — calle Vicente Sancho-Tello, n.° 27, VALENCIA (Hispanio) deziras korespondi kun londonano.

PERIS - GRAN VIA M. TURIA, 28 - VALENCIA



**La urbestro de Marbella, S-ro Ricardo Lucena, salutas kaj dankas la viziton, kiun la Kongreso faris...**



**...kun ornamo de belaj fraŭlinoj, al tiu kosmopolita urbo, kiu tre gastame nin akceptis.**



**Prezidantaro de la Oficiala Bankedo en surmonta restoracio «Gibralfaro».**